VOJAĜ-RAPORTO



گزارش سفر

RAKONTO



حکایت

INTERVJUO



مصاحبه

NOVAĴOJ




خبر

IREA
Irana Esperanto-Asocio

# IRANA ESPERANTISTO

# پیام سبزاندیشان

Kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto
N-ro: 15, Dua serio, Aŭtuno 2015

فصلنامه‌ی فرهنگی دوزبانه‌ی فارسی و اسپرانتو
شماره ۱۵، دوره دوم، پاییز ۱۳۹۴



به نام خداوند جان و خرد

پیام سبزاندیشان

فصل‌نامه‌ی پژوهشی - فرهنگی دوزبانه‌ی فارسی و اسپرانتو

دوره دوم، شماره پانزدهم، پاییز ۱۳۹۴
شماره استاندارد بین‌المللی (ISSN): ۱۷۲۸-۶۱۷۴
تاریخ انتشار نخستین شماره: پاییز ۱۳۸۱

نقل مطالب مجله با ذکر منبع و ماخذ جایز است و از استفاده کنندگان درخواست می‌شود یک نسخه PDF از نشریه‌ای را که در آن مطلبی به نقل از این مجله درج شده است به نشانی اینترنتی مجله ارسال کنند.

مسئولیت مطالب مندرج در این مجله برعهده‌ی نویسندگان آن می‌باشد.

گرافیک وحروفچینی: سبزاندیشان

نشانی‌ها:
پایگاه اینترنتی: www.espero.ir
پست الکترونیک: info@espero.ir

## قبل از هر چیز...

در این شماره حجم مجله و همچنین تعداد مقالات افزایش یافته است. خوشبختانه با مشارکت شما خوانندگان عزیز توانسته‌ایم محتوای مجله را بهبودی چشمگیر ببخشیم و از این بابت تلاش کسانی که در تهیه مطلب ما را یاری نموده‌اند شایسته تشکر و تقدیر است.

همانطور که در شماره قبل اعلام شد، فرآیند انتخاب هیات مدیره انجمن از ابتدای پاییز شروع شده و اعلام کاندیداتوری تنها تا پایان آذرماه امکان‌پذیر است، بنابراین چنانچه قصد دارید در چهارچوب انجمن به پیشبرد و شناساندن اسپرانتو کمک کنید، هرچه زودتر و تا قبل از شروع زمستان با ارسال بیوگرافی مختصر خود همراه با برنامه‌ها و اقدامات موردنظر در صورت انتخاب شدن، داوطلبی خود را برای پذیرش مسئولیت اعلام نمایید.

بدون هم‌فکری و مشارکت همگانی نمی‌توانیم تصویری روشن از آینده را پیش‌روی خود داشته باشیم، بنابراین با هم در ارتقای این تنها تشکل اسپرانتویی کشورمان دست یاری به یکدیگر دهیم.

و آخرین نکته اینکه آخرین تاریخ برای ارسال مطالبتان به منظور درج در شماره بعدی مجله، پانزدهم بهمن ماه خواهد بود

*Je la nomo de Dio*

IRANA ESPERANTISTO

Pajam-e Sabzandiŝan
(Mesaĝo de Verdpensuloj)
ISSN 1728-6174

IRANA ESPERANTISTO
Kultura kaj sendependa sezon-revuo internacia
Dua serio, N-ro 15, Aŭtuno 2015

Bonvenas eseoj, artikoloj, raportoj kaj kontribuaĵoj kondiĉe ke ili ne estu publikigitaj antaŭe. Bonvenas kultur-temaj kontribuaĵoj ĉu en Esperanto ĉu en la persa.

Ĉia presa aŭ elektronika citado aŭ eldonado de materialoj de IRANA ESPERANTISTO, ĉu originale ĉu tradukite en aliajn lingvojn, estas permesata. Bonvole menciu pri la fonto kaj la originala lingvo (t.e. Esperanto aŭ la persa) kaj se eble, informu nin pri eldonaĵo en kiu aperis io de aŭ pri IRANA ESPERANTISTO aŭ/kaj sendu kopion al ni.

## همکاران تحریریه این شماره:

* ایوس نیکولاس
* س.ن. مظفری
* کیهان صیادپور
* سیمین عمرانی
* کیانوش همتی
* علی اصغر کوثری
* حامد صوفی
* حمزه شفیعی
* احمدرضا ممدوحی
* سجاد دشتی‌نژاد

## Antaŭ ol ĉio...

En tiu ĉi numero, vi legos alian artikolon prezentita en la 2-a IREK. La artikolo ne estas tiom longa, Tamen Aviceno ja estas tiel famekonta scienculo mondskale, ke ni decidis dediĉi la kovrilpaĝon al liaj statuo kaj maŭzoleo. Tamen en la revuo ne mankas aliaj gravaj kaj legindaj artikoloj precipe la raporto pri la Nobel-premiuto kiu parolas pri Esperanto. Vi estas invitata atente legi la artikolon, sed ne preteratentu aliajn artikolojn, poemojn, rakontojn kaj aliajn legindaĵojn.

IREA pretiĝas por la balotado cele al elekti la novan komitaton. Jen restas nur malpli ol unu monato por sinkandidatigi. La limdato por sinkandidati estas fine de aŭtuno (21.12.2015). Do, hastu se vin interesas agadi por la progreso de nia afero en nia lando.

Oni diras ke ĉijare la vintro en Irano estos severa kaj pli malvarma ol kutime. Ni preĝas plaĉan kaj esperplenan vintron por niaj karaj legantoj.

**Hamzeh Shafiee, la redaktoro**

## Kontribuantoj ĉi numere

* Yves Nicolas
* S.N. Mozaffari
* Keyhan Sayadpour
* Simin Emrani
* Kianush Hemmati
* Ali Asghar Kousari
* Hamed Sufi
* Hamzeh Shafiee
* Ahmad Reza Mamduhi
* Sajjad Dashtinejad

ENKONDUKO

**Kovrila Paĝo:**
Statuto de Avecino antaŭ lia tombejo en Hamedano
**Lasta paĝo:**
Afiŝo de la 3-a IREK

**طرح روی جلد:**
ابن سینا و آرامگاهش
**طرح پشت جلد:**
پوستر سومین کنگره اسپرانتوی ایران

**Mallongigoj uzitaj en ĉi tiu numero**

IREA: Irana Esperanto-Asocio
IREJO: Irana Esperantista Junulara Organizo
IREK: Irana Esperanto-Kongreso
IRLEI: Irana Ligo de Esperantistaj Instruistoj
UK: Universala Kongreso

# ENHAVO

# فهرست مطالب

کوتاه، مختصر

Karaj samideanoj,

Kun danko mi legis vian belan revuon.
Mi esperas,ke Esperanto-movado en Irano pli kaj plu prosperos.
Ni renkontiĝu en la Seula UK.

Samideane via, Jungkee

Saluton,
mi estas itala esperantisto, 41 aĝa, oficisto en kultura instituto kaj mi ŝatus korespondi kun aliaj esperantistoj. Al mi plaĉas la historio kaj la lingvoj, antikvaj kaj modernaj.
Ĝis,
Ivan Orsin
<ivan.orsini@alice.it>

OKAZIS...

- Sabate la 21-an de Ŝahrivaro (12-an de Septembro) okazis monata renkontiĝo en la oficejo de IREA ekde la 6-a vespere. Oni diskutis pri la 100-a Universala Kongreso kaj prezentis fotojn de la evento.
- Ĉi-jare en Mehr-monato la programo de Monata Prelego 10-jariĝis. Sabate la 11a de Mehro (3/okt/2015) prelegis s-ro Mamduhi kaj poste oni festis la eventon.
- Sabate la 25-an de Mehro (17-an de Oktobro) ekde la 17-a okazis Monata Renkontiĝo.
- La 5an de Aban-monato 1394 (= 27/okt/2015) prelegis d-ro Sayadpur en IREA-oficejo.



- Okazis MoRo la 16an de Aban-monato (= 7/nov/2015) je la 17a horo en IREA-oficejo.
- Monata Prelego de monato Azaro okazis la 2an de azar 1394 (= 23/nov/2015). En la programo prelegis samideanino Nazi Solat pri Daŭripova Evoluo.




ماهنامه Monato در شماره اکتبر خود مقاله‌ای درباره ایران و توافق هسته‌ای تحت عنوان "امیدی برای تمام جهان: توافق ایران" منتشر نمود.




مشارکت گسترده طرفداران اسپرانتو در رای‌گیری برای انتخاب نام قطار "بیالیستوک – ورشو" منجر به پذیرش این نام توسط راه‌آهن دولتی لهستان شد.

**مجله سبزاندیشان در سایت "مگیران"**

سایت مگیران ( مگ ایران ) سایتی است هدفمند برای اطلاع رسانی نشریات و مجلات تخصصی کشور. در این سایت فهرست مطالب و چکیده بیش از ۱۵۰۰ عنوان نشریه علمی و تخصصی کشور درج شده است تا مراجعه‌کننده به راحتی بتواند در میان مطالب مستند و قابل استفاده جستجو کند و مرجع مقالات مورد نیاز خود را بیابد. باهمراهی مجلات عضو نسخه الکترونیکی متن بیش از ۴۰۰.۰۰۰ مقاله از حدود ۸۰۰ نشریه نیز از طریق این سایت قابل مطالعه است.
مجله پیام سبزاندیشان از سالیان گذشته جزو لیست این پایگاه اطلاعاتی قرار دارد. آرشیو مجله در این سایت از چندی قبل تکمیل گردید. برای دسترسی به این آرشیو و ملاحظه کلیه شماره‌های گذشته مجله می‌توانید به آدرس زیر اینترنتی زیر مراجعه فرمایید:
http://www.magiran.com/maginfo.asp?mgID=2899

MALLONGE

**Arkivo de IREA Blogoj Rekreita**

Kiel vi scias en nia malnova perslingva retpaĝo" Eo blogfa", estis perditaj la 8 jarajn skribaĵoj de kara Reza Torabi. Sed li fine post kelkaj jaroj en iu fremda ret-arkivo trovis ilin. Nun ili estas en nia paĝaro "www.espero.ir", en la persa parto. Tiele ili restos konservitaj. Vi povas legi k ĝui.

http://www.espero.ir/persa/?page_id=6

**La Kalendaro por elektado de IREA-Komitato (detalajn informojn trovu en la pasinta numero)**

- limdato por kandidatiĝi: 30-an de Azaro (21.12.2015)
- finpretigo de la listo de kandidatoj kaj prepari la balotilojn: 11-an de Dejo (1.1.2016)
- Sendi balotilojn al la membroj: De 12-an de Dejo ĝis la 1-an de Bahmano (Ĝis 21.1.2016)
- Oni resendos la voĉdon-foliojn al oficejo makzimume ĝis la 1-an de Esfando (20.2.2016).
- La balotoj kaj fina rezulto estu konsiderata en la kunsido dum Esfando (plejeble en nia antaŭnoŭruza renkontiĝo).

آثار شما

آقای حسین علیزاده از اسپرانتودانان خوش‌ذوق و قریحه هستند که در امر سرودن شعر نیز استعداد فراوانی دارند. تعدادی از اشعار آقای علیزاده در مدح اسپرانتو را در این شماره برایتان آورده‌ایم.



امید بجز ستاره تابان نیست
کس دشمن آن بغیر هر شیطان نیست
آهنگ امید و صلح در مکتب اوست
دریاب که هر زبان جز او آسان نیست

دل گفت مرا زبان زیبا هوس است
تعریفش کن اگر تو را دسترس است
گفتیم که اسپرانتو آن امید سرسبز!
در خانه اگر کس است، یک حرف بس است!

در جام امید, می نابی شده است
یک دانشنامه در کتابی شده است
اسپرانتو قطار پیروزی هاست
مژده مژده! که انتخابی شده است.

**زین چشمه که شهد جاودانی ست بنوش**
**جانمایه صلح این جهانی ست بنوش**
**سبز است و سپید و چون ستاره تابان**
**سازنده چو آب زندگانی ست بنوش!**

امید، مرا ورد زبانها کردی
سرسبزترین مردم دنیا کردی
ای دفتر سبز واژه های شیرین
در شعر من انقلاب بر پا کردی!

هست آرزویم مرغ مهاجر باشم
در کوچه لبهای تو عابر باشم
با پرچم سبز تو جهان تازه کنم...
تقدیر من این گشت که شاعر باشم!

## perdita

*Kianuŝ Hemmati*

- ĉu vi pensas ke io estas malantaŭ la monto?
- Amo ... kaj pli grava ol amo estas libereco.
- kial la libereco ne estas ĉi tie sed ĝi estas tie?
- libereco kreas dometon nur malantaŭ la monto.
- ... ĉu ĝi estas birdo??!!
- Ne ... ĝi estas Aglo. Granda aglo por granda homo.

Mian manon kaptis firme. Ni devus grimpi la frostitajn rokojn. Sekrete de lim-gardistoj, ni trapasis la monton kaj atingis nian celon. Sed la libereco restis malantaŭ la monto.

**کیانوش همتی – داستان کوچکی از آزادی و مهاجرت**

## گمشده

فکر میکنی پشت این کوه چیه؟؟
عشق و از همه مهم‌تر آزادی
چرا پشت این کوه هست و این جا نیست؟
فقط پشت این کوه لونه ساخته.
مگه کفتره که لونه بسازه ....
یه عقابه ... یه عقاب باشکوه...
دستم رو محکم گرفت. باید از سنگ‌های یخ زده بالا می‌رفتیم. دور از چشم مرزبانان کوه را پشت سر گذاشتیم.
به سرزمین موعود رسیدیم. حیف که آزادی پشت کوه جا موند.

VIAJ VERKOJ



YVES NICOLAS

# NIA VOJAĜO EN IRANO

Jam pasis pluraj semajnoj post nia vojaĝo en Irano sed regule venas plu al mi rememoroj pri tiu ne forgesebla restado. De multaj jaroj mi volis viziti tiun landon ne nur pro ĝia antikva historio sed ankaŭ pro famaj urboj kaj verkistoj, filmistoj. Mi volis ankaŭ kompari, per surloka konstato, la informojn kiujn dissendas nia gazetaro pri la ĉiutaga influo de tiea reĝimo kies fundamentoj radikale diferencas de la «okcidentaj».

Kiam aperis en «Esperanto» reklamo pri turisma aranĝo en Irano por esperantistoj, mi tuj kontaktis la informinton, Masud Godarzi. Malgraŭ lastminuta rezigno de dudek persona grupo kiu devigis lin ĉion modifi, Masud tre sukcese organizis por mia filino Sophie kaj por mi dektagan vojaĝon. Li dorlotis nin, ĉiam atentema ĉu ni soifas, ĉu ni malsatas. Ni tranoktis kaj manĝis en bonaj hoteloj kaj restoracioj, kaj ni uzis komfortajn aŭtobusojn. Li starigis interesan itineron. Post unu taga restado en Tehrano, kies trafiko forte impresis nin, ni vizitis lian propran urbon Borujerd. Tiu mezgranda kaj provinca urbo estas tre agrabla kun vasta parko sur proksima monto. Ni konatiĝis kun liaj edzino Mansureh kaj filo Amirali kiuj varme akceptis nin. Poste, ni iris al Isfahano. Ho! Isfahano! Vera juvelo pro belegaj moskeoj kaj Palaco Ali Qapu ĉirkaŭ grandega placo, rendevuo de la loĝantoj por vespera pikniko kaj promenado post varmega tago. Pro la ĝardenoj «Ok paradizoj» kaj «Kvardekkolona Palaco». Pro ĝiaj antikvaj pontoj Si-o-se Pol kaj Pol-e Khaju de la Sasanida kaj Safavida periodoj kiuj bedaŭrinde transiras tute sekigitan riveron kies akva devojigo fare de la instancoj kolerigas la loĝantojn kaj la lokajn terkulturistojn. Bela Isfahano ĉu iam mi vin revidos ?

Ŝirazo estas tre ŝatata de la irananoj pro ĝiaj citadelo kaj bazaro sed ankaŭ pro la tomboj de Sa'adi kaj Hafez, du mezepokaj poetoj kiuj laŭdis amon, virinojn kaj vinon en siaj verkoj, kiuj humure aŭ acide kritikis falsajn kredantojn. Multaj homoj venas por murmure deklami iliajn poemojn kun mano tuŝanta la tombon. La irananoj havas grandan respekton kaj amon por tiuj poetoj, ankaŭ por Ferdosi kaj Omar Kajam, kiuj defendis la persan kulturon. Jes ja, Persio havis longan historion kies plej fama atesto estas la ruinoj de la tutmonde konata Persepoliso. Temploj, kolonoj, skulptaĵoj regalas la okulojn de la turistoj kiuj povas imagi la tiean vivon 2500 jarojn antaŭ Jesuo-Kristo sub regno de Ciro, Dario kaj aliaj famaj reĝoj. Ni tute hazarde renkontiĝis, apud la Trezorejo de Persepolis, kun Florent, franca esperantisto el Orléans!

Ni poste revenis al Tehrano por ĉeesti la dutagan Duan Iranan Kongreson de Esperanto. Hamzeh Shafiee kaj lia edzino Marzieh tre afable gastigis nin en sia loĝejo kun Bahar kaj Dorsa siaj ĉarmaj kaj ludemaj filinoj. Tehrano enhavas 14 milionojn da loĝantoj sur vasta, monteta tereno kiun senĉese, rapide, zigzage, brue trairas ne nombreblaj aŭtomobiloj –ofte Peugeot kaj Renault- kaj motorcikloj kiujn rajdas ĝis 3-4 homoj, kompreneble senkaskaj. Ankaŭ Hamzeh tre lertis por ŝofori ĝis la kongresejo en la moderna Distrikto 22a. La kongreso okazis en la kvartala domo kun granda halo kie staris la akcepta kaj la libra budoj ; ankaŭ tie ni paŭzis kaj tagmanĝis. Apude, vasta spektaklejo kun komfortaj seĝoj kaj granda scenejo kun ekrano. La tuta aranĝo estis profesinivele filmita kaj fotita. La kongresanoj ricevis belan tekon kun e-a flageto kaj kongresa programo.

Sur la librotablo, prizorgita de Amir Fekri,



aĉeteblaj libroj ne estis tre multaj sed proponis interesajn titolojn. Mi notis i. a. « Versoj de Persoj » kiun redaktis Keyhan Sayapour, prezidanto de IREA kaj dikan lernolibron por irananoj verkitan de Ahmad Reza Mamduhi, vicprezidanto kaj «orkestra estro» de la kongreso.

En la kongresa ĉambro estis belaj kaj memstaraj prikongresaj afiŝoj. Aliaj estis gluitaj sur la muroj, kelkfoje kun la portreto de Zamenhof. Mi aparte ŝatis iun ruĝan kun verda stelo malantaŭ fermita pugno por krii: «Esperanto, Ribela lingvo!».

> *Ho ! Isfahano! Vera juvelo pro belegaj moskeoj kaj Palaco Ali Qapu ĉirkaŭ grandega placo, .... Pro la ĝardenoj «Ok paradizoj» kaj «Kvardekkolona palaco». Pro ĝiaj antikvaj pontoj Si-o-se Pol kaj Pol-e Khaju de la Sasanida kaj Safavida periodoj .... Bela Isfahano ĉu iam mi vin revidos ?*

Proksimume kvindek homoj partoprenis tiun kongreson, inter ili 4 eksterlandanoj, Masaja Seŝimo el Japanio, Guy Perrin (kiu ankaŭ ĉeestis la unuan iranan kongreson), Sophie kaj mi el Francio. La organizintoj esperis pli da eksterlandanoj kiel pasintjare sed mi opinias, ke reklamado kaj informoj sur la retpaĝo de la asocio ne estis sufiĉe multaj kaj precizaj (ekz. la adreso de la kongresejo ne estis indikita). La irananoj tuj deziris paroli kaj foti kun ni en tre amika etoso. Ni sentis nin en granda familio ekde la unua minuto ĝis la fino de la kongreso. «Esperanto ribela kaj amikeca lingvo»!

En si mem, la irana kongreso ne tre diferencas de alilandaj kongresoj: malferma ceremonio (eroj el Korano kaj nacia himno mirigis min), salutvortoj, primovadaj raportoj, prelegetoj, kulturaj spektakloj. Oni kelkfoje ŝatus, ke la programeroj akurate okazu, ke iuj prelegoj estu malpli longaj (nura legado de teksto iel tedas), ke la arta parto estu pli alloga, sed okazis interesaj intervenoj pri la progreso de la movado (sidejo en Tehrano, eldono de libreto «Nigra fiŝeto », espero pri kursoj en universitato aŭ en lernejoj, rilatoj kun esperantistoj en najbaraj landoj ktp) kaj pluraj prelegoj kun temoj originalaj, i. a. «Lingvismo kaj lingvokratio» de Ahmad Reza Mamduhi, «Distrikto 22» de Hamzeh Shafiee, de Akbar Sedaghat pri defendo de la persa lingvo, kaj de la kuraĝa kaj novbakita junulo Kianush Hemmati pri Aviceno, granda kuracisto kaj saĝulo de la Deka Jarcento.

Estis bona ideo de la organizintoj afable proponi al Masaja , Guy kaj mi prelegi pri respektive «Niŝomaru, unu simbolo inter Irano kaj Japanio», «ĉiĉeronado dum UK en Lille», «Normandio».

Ni ne forgesos la vesperan promenadon, sub dolĉa ĉielo, laŭ la granda kaj bela Ĉitgar Lago, nova rendevuo de multaj tehrananoj. Ĉiuj kongresantoj ĝoje babiladis, petolis, fotadis, interŝanĝis pri multaj aferoj en tre amika etoso.

Ni ankaŭ ne forgesos la postkongresan viziton de la grandega Milad Turo (de supre ni panorame vidis la tutan urbon) kun Mehdi Zargaripur, Nazi Solat, Giti Ferdosnia, Hamid Shaeri, Akbar, Ahmad kaj aliaj, la promenadon kun Kianush, Fariborz, kaj Sahar kun siaj du filinoj en la montaro, la viziton de la Parko de la Artistoj kun Nazi kaj la tiea tre bongusta vespermanĝo en vegetara restoracio.

Ni ne forgesos la viglan kaj ege interesan Iranon, ĝian afablan kaj akcepteman popolon.

Esperantistoj el la tuta mondo, nepre ekskursu al Irano ! Tie atendas vin fervoraj samideanoj kiuj ŝatas kontaktojn kun eksterlandanoj por babili, por kompari, por kune evolui al pli tolerema kaj pacama mondo.





KIANUŜ HEMMATI

# AVICENO

Artikolo Prezentita en la 2-a IREK

## Biografio:

Aviceno (Arabe: ابن سینا (Ibn Sina); Perse: ابن سینا (Ibn Sina) aŭ پور سینا (Por Sina); Latine: Avicenna aŭ Abitianus; Greke: Αβιτζιανός(Avitzianos)) (naskiĝis ĉ. 980 en Afŝana (apud Buĥara), kaj mortis en 1037 en Hamadano) estis persa islama filozofo kaj kuracisto. Krome oni povas konsideri lin ankaŭ astronomon, fizikiston, Islam-fakulon, kemiiston, Koran-fakulon, matematikiston, poeton, psikologon, sciencistón, soldaton, politikiston kaj teologon, do fakte li estis siatempa tutfakulo.

Lia kompleta arablingva nomo estas أبو علی الحسین بن عبد الله بن الحسن بن علی بن سینا (Abu-Ali al-Husajn ibn Abd-Allah ibn al-Hassan ibn Ali ibn Sina). Li ankaŭ estas konata, en la araba, kiel la Supera Ŝejko (الشیخ الرئیس, aŝ-Ŝajĥ ar-Rais). Lia patro estis el Balĥo kaj lia patrino el lia naskiĝloko, t.e. Afŝana.

La nura fonto de informoj pri la unua parto de la vivo de Aviceno estas lia membiografio, surpaperigite fare de lia studento Jūzjānī. Pro la foresto de aliaj fontoj, estas maleble iĝi certa kiom multe de la membiografio estas ĝusta. Fakte li utiligas sian aŭtobiografion por avanci sian teorion pri kono (ke eblas al individuo akiri scion kaj kompreni la aristotelajn filozofiajn sciencojn sen instruisto), kaj estis pridubite ĉu la okazado priskribita estis adapto por kongrui pli proksime kun la aristotela modelo; en aliaj vortoj, ĉu Aviceno priskribis sin kiel studado de aĵoj en la "ĝusta" sinsekvo. Tamen surbaze de la foresto de iu alia indico, la raporto de Aviceno esence devas esti prenita ĉe nominala valoro.

Aviceno naskiĝis ĉ. 980 en Afŝana, vilaĝo proksime de Buĥaro (en la nuna Uzbekio), la ĉefurbo de la Samanidoj, persa dinastio en Mez-azio kaj Granda Ĥorasano. Lia patrino, nomita Setareh (Stelo), estis de Bukaro; lia patro, Abdullah, estis respektata ismailana, akademiulo de Balĥo, grava urbo de la Samanida Imperio, kio hodiaŭ estas en Balĥa Provinco, Afganio. Lia patro, Nuh ibn Mansur, estis dum la naskiĝo de sia filo, la guberniestro de unu el la gubernioj de la Samanidoj. Li edukigis sian filon tre singarde en Bukaro. La sendependa penso de Ibne Sina estis kune kun liaj specialaj inteligenteco kaj memoro, kio permesis al li preterpasi siajn instruistojn en la aĝo de dek kvar! Kiel li diris en sia membiografio, ekzistis nenio, kion li ne lernis kiam li atingis aĝon dek ok.

Kelkaj malsamaj teorioj estias proponitaj por rigardi al la mazhab (doktrino) de Aviceno. Mezepoka historiisto Zahīr al-dīn al-Bayhaqī (m. 1169) konsideris Avicenon kiel anon de la Fratoj de Pureco. Aliflanke, Dimitri Gutas kune kun Aiŝa Ĥan kaj Jules J. Janssens protestis ke Aviceno estis sunaista hanafisto. Tamen, Shia faqih Nurullah Shushtari kaj Seyyed Hossein Nasr, aldone al Henry Corbin, asertis ke li estis plej verŝajne ano de Dekduimamismo. Similaj malkonsentoj ekzistas ankaŭ pri la fono de la familio de Aviceno: dum kelkaj verkistoj konsideris ilin sunaistoj, pli lastatempaj verkistoj opiniis ke ili estis ŝijaistoj.

Laŭ sia membiografio, Aviceno parkerigis la tutan Koranon antaŭ la aĝo de 10. Li lernis hindan aritmetikon de hinda legomvendisto, kaj li komencis lerni plie kiel vaganta akademiulo kiu gajnis porvivaĵon kuracante malsanulojn kaj instruante la infanojn. Li ankaŭ studis Feqhon (islama jurisprudenco) sub la hanafisma akademiulo Ismail al-Zahid.

Kiel adoleskanto, li estis tre turmentita per la Metafiziko de Aristotelo, kiun li ne povis kompreni ĝis li legis la komentojn de al-Farabi pri la verko. Por la venonta jaro kaj duono, li studis filozofion, en kiu li renkontis pli grandajn malhelpojn. En tiaj momentoj de surprizita studado, li forlasis siajn librojn, faris sian ritolavadojn kaj iris al la moskeo, kaj restis en preĝo (salat). Profunde en la nokton, li daŭrigus siajn studojn, kaj eĉ en liaj revoj problemoj persekutus lin kaj helpis al ilia solvo. Kvardek fojojn, laŭ onidiroj, li legis la

Metafiziko-n de Aristotelo, kaj ties vortoj restis en lia memoro; sed ilia signifo estis senespere obskura, ĝis unu tago, kiam li ektrovis lumon, pere de malgranda komentlibro de Farabi, kiun li aĉetis ĉe gazetkiosko per malgranda sumo de tri dirhamoj. Tiel alta estis lia ĝojo ĉe la eltrovo, farita kun la helpo de laboro, de kio li atendis nur misteron, ke li hastis por danki al dio, kaj donaci almozon al senhavuloj.

Li komencis studi medicinon 16-jaraĝe, kaj ne nur lernis kuracan teorion, sed ankaŭ per nedeviga partopreno ĉe la malsanuloj, laŭ sia propra raporto, li malkovris novajn metodojn de terapio. Kiel adoleskanto, li atingis plenan statuson kiel edukita kuracisto en la aĝo de 18, kaj trovis ke "La medicino estas neniel malmola kaj malfacila scienco, kiel estas matematiko kaj metafiziko, tiel ke mi baldaŭ faris grandan progreson; mi iĝis elstara kuracisto kaj komencis kuraci malsanulojn, uzante aprobitajn kuracilojn." La famdisvastiĝo de la juna kuracisto rapidis, kaj li kuracis multajn malsanulojn sen pagopetado.




parto de poŝtmarkoj pri Aviceno

## Lia filozofio:

Probable li estas la plej fama kaj influa islama filozofo en la okcidento, sed normale li ne estas tiel konsiderata en la oriento. Eble ĉar li estis unu el la plej famaj kuracistoj de sia tempo kaj tio kovris lian filozofecon.

Fido kaj racio: Malsimile al sia instruisto al-Farabi aŭ al al-Kindi, Aviceno ne rigardis islamon kiel filozofion por la multaj. Anstataŭe li rekonis, ke la veroj de racio kaj la veroj de la fido ne estas veroj de la sama speco. La profeto de Islamo ne estis populariganto de filozofiaj veroj, ĉar li posedis verojn, kiuj estas preter racio. Du jarcentojn poste Tomaso de Akvino diros ĉi tion en la okcidento. Sufiismo, ia mistika speco de islamo, kiu interesis Avicenon, estas simila: per sufiismo, Aviceno vidis, ke mistikismo donis sperton de Dio, kiu estas neatingebla per racio kaj logiko. Tial Aviceno vidis, ke la vojo de la filozofo, de la profeto kaj de la mistikulo ne estis vojoj altaj kaj malaltaj al la identa vero, sed vojoj diversaj al veroj diversaj.

Aviceno influis la penson de la Okcidento inter aliaj per Ibn-Rŭŝd kaj Tomaso de Akvino.

Filozofia pensado de Aviceno

Pli detale jen esecaj tezoj de la filozofio de Aviceno:

- La pura potenco (nura ebleco) estas la materio, kaj la pura ago (fakteco) (latine: actus, kompleta perfekteco) estas Dio.
- La ekziston de Dio pruvas ĝuste tio, ke nur Li estas nepra (ĉar absoluta), ĉio alia estas kontigenta (ĉar relativa).
- Dio estas nepre unu.
- Ĉio dependas de Dio kaj ekzistas per Dio, kiu estas eterna.
- De Dio devenas la monda racio, kiel la unua movanto.
- La kreado estas plurgrada, produktanta la t.n. aktivan intelekton.
- La tempo kaj la moviĝo estas senĉesaj - senfinaj potence.
- La homo havas pasivan (ricevan) intelekton, kaj lia celo estas unuiĝi kun la aktiva intelekto, kaj per tio, kun Dio.

Se por la kristana Eŭropo, Islamo prezentis danĝeran defion en diversaj kampoj... milite, politike, filozofie, religie, science... en filozofio la defio ekmalaperis en la epoko de la skolastikuloj, ĉefe kun Alberto la Granda kaj Tomaso de Akvino, kiuj alfrontis la problemon de la interrilatoj de la du fontoj de kono, t.e. kredo kaj racio, per aristotelismo kaj revenante per alia filozofia instrumento, al la sama konkludo de la kristanaj pensuloj de la pasinto: Kredo kaj Racio neniam povas konflikti ĉar diversmaniere devenantas el la sama fonto, nome Dio.

Tradukis: D-ro Keyhan Sayadpour

ترجمه به اسپرانتو: دکتر کیهان صیادپور

# Floroj el “La Florejo de Sadi”

# گل‌هایی از ”گلستان سعدی“

*Por aŭtuno mi elektis parton de la enkonduko de “Florejo”. Mi esperas vian plezuron.*

Estas rakontite flanke de l' sinjoro de l' galaksioj, honoro de l' estaĵoj, favoro al la mondanoj, trezoro de l' Adamidoj, kaj perfektiginto de l' eraoj, Mahometo Mostafa (1), Alaha paco estu sur li kaj lia gento:

Propetanta, profetanta, donacema, protekta,
Belaspekta, intelekta, sendifekta, perfekta.

Kial malĝoji kiam por sekvantar-mur' vi estas apog-ŝtipo?
Kial timi de l' ondoj kiam Noa estas l' estro de la ŝipo?

Superis li per l' kompetento, perfektas lia inteligento,
Belas lia ĉiu elemento, pacon al li kaj lia gento!

Ĉiam kiam pekulo, maltrankvila en angulo, levas la manon de pento kun espero de konsento al Dia kortego, Lia Glora kaj Valora Moŝto ne atentas lin. Li revokas Dion sed Li ankoraŭ sin turnas. Li revokas lamentante kaj plorante. Dio, la Pura kaj Nura, diras: "Ho miaj anĝeloj! Mi hontas ĉar mia kreito ne havas alian ŝirmon, do Mi pardonas lin. Mi aŭdis lian eldiron kaj realigis lian deziron. Ĉar mi hontas pro l' abundo de liaj preĝoj kaj petoj:"

Jen afabl' kaj favor' de Di':
Pekis homo kaj hontas Li.

Pilgrimantoj de Lia pompo-Kaabo konfesas al siaj preĝmalmultoj: "Ni ne adoris Vin laŭ Via adorindeco." Kaj laŭdantoj de Lia belec-grandiozo miras: "Ni ne konis Vin laŭ Via konindeco."

Se oni demandos min pri Di',
Kiel pri l' amat' diru l' amant'?
Amantoj mortas por l' amato,
Mortinto ĉiam estas sen kant'.

Piulo metis la kapon sur la kolumon de evitado kaj dronis sin en la maro de meditado. Kiam li revenis de tiu stato, kamarado demandis lin: "De tiu ĝardeno kie vi estis, kion vi donace kunportis por mi?" Li respondis: "Mi planis atinginte rozarbedojn plenigi la jupon de mia robo per roz-donacoj por la kamaradoj. Sed atinginte, la roz-aromo tiom ebriigis min ke mi ellasis la jupon."

1- Titolo de Mahometo.

در خبرست از سرور کاینات و مفخر موجودات و رحمت عالمیان و صفوت آدمیان و تتمه دور زمان محمد مصطفی، صلی الله علیه و سلم.

شفیع مطاع نبی کریم
قسیم جسیم نسیم وسیم

چه غم دیوار امت را که دارد چون تو پشتیبان؟
چه باک از موج بحر آن را که باشد نوح کشتی بان؟

بلغ العلی بکماله کشف الدجی بجماله
حسنت جمیع خصاله صلوا علیه و آله

هرگاه یکی از بندگان گنه‌کار پریشان روزگار دست انابت به امید اجابت به درگاه حق جل و علا بردارد، ایزد تعالی در وی نظر نکند بازش بخواند باز اعراض کند بازش به تضرع و زاری بخواند حق سبحانه و تعالی فرماید: یا ملائکتی قداستحییت من عبدی و لیس له غیری فقد غفرت له. دعوتش را اجابت کردم و حاجتش برآوردم که از بسیاری دعا و زاری بنده همی شرم دارم.

کرم بین و لطف پروردگار
گنه بنده کرده است و او شرمسار

عاکفان کعبه جلالش به تقصیر عبادت معترف که: ماعبدناک حق عبادتک. و واصفان حلیه جمالش به تحیر منسوب که: ما عرفناک حق معرفتک.

گر کسی وصف او ز من پرسد
بیدل از بی نشان چه‌گوید باز؟
عاشقان کشتگان معشوقند
برنیاید ز کشتگان آواز

یکی از صاحبدلان سر به جیب مراقبت فروبرده و در بحر مکاشفت مستغرق شده. حالی که از این معامله باز آمد یکی از دوستان گفت: از این بستان که بودی مارا چه تحفه کرامت کردی؟ گفت: به خاطر داشتم که چون به درخت گل رسم دامنی پرکنم هدیه اصحاب را. چون برسیدم بوی گل چنان مستم کرد که دامنم از دست برفت.

ترجمه: سیمین عمرانی

# دور دنیا در ۷۹ روز

قسمت هفدهم




**هر روز بهتر**

**روز سی و هفتم**

امروز صبح همراهان جدید دیگری را رویت می‌کنیم. یک گردان مورچه به ساک بیسکویت‌مان که برای صبحانه رزرو کرده بودیم تشریف آورده و ما را همراهی می‌کنند. مانل پیش از آن‌که متوجه حضورشان شود چندتا بیسکویت را خورد، طفلک مورچه‌ها! تعدادی از آن‌ها در راه خدمت به وطن به شهادت رسیدند و مردند. موش هم بیسکویت‌هایی را که به او داده بودیم خورده و محض رضای خدا یک ریزه هم باقی نگذاشته است. به نظر می‌رسد این کشتی کشتی نوح است.

بخش بزرگی از رود جذابیت خود را از دست داده است، عریض شده و بسترهای حاشیه چنان ناپایدار و سست شده‌اند، که باید برای اجتناب از سیل دیوارسازی کرده و آن را استحکام بخشند. هر از چندی معبدی بر بالای حواشی مسطح کناره‌های رود برپا می‌شود. پل‌های جدید معلق بر فراز رود باابهت‌اند. چرچ بزرگی (کلیسای مسیحی.م) نزدیک معبد در این صبح به این بخش جهانگردی با فاصله کمی که دارد، تحرک می‌بخشد.

کشتی را دور می‌زنیم تا لحظه‌ای را شکار کنیم و از همسایگان فقیرمان عکس بگیریم. کابین‌های درجه ۲ هم با اتاق‌های ۲ تخته مثل درجه یکی‌ها در بهترین نقطه کشتی واقع‌اند: یعنی در طبقه دوم و نزدیک دماغه کشتی. در قسمتی که ماها هستیم اجازه ورود به قسمت درجه ۳ را نمی‌دهند و رفتن به آن قسمت هم‌چون فرود آمدن در جهنم است: اتاق‌های شش تخته، آدم‌های بی‌جایی که تا حد امکان در راهروها مستقرند. این هم تصویری از چین مرتاضی، مطیع و صبور، توانا برای ۱۴ ساعت کار، سرپاخوابیدن در قطار یا مسافرت سگی با کشتی بدون هیچ اعتراضی.

همسایه‌های چینی ما در کابین یک و دو درجه‌ای اصلا توجهی ندارند نمی‌دانیم می‌ترسند یا دوست ندارند ببینند که هم‌وطنان کمونیست‌شان چطور زندگی می‌کنند. آن‌ها کت، کراوات، لباس ورزشی‌های محبوب و کفش چرمی دربردارند. آن‌ها تصویری از چین جدید هستند. چینی که آسمان‌خراش‌ها، اتومبیل‌های شیک، فست فودهای آمریکایی، موبایل‌های مینیاتوری و ثروتمندشدن پرسرعتی را دنبال می‌کند.

ما زبان چینی بلد نیستیم ولی همه‌چیز را می‌فهمیم. یکی نزد ما می‌آید و می‌گوید که آب گرم غنیمت است و از ما خواهش می‌کند ظرف شیشه‌ای او را از آب گرم پر کنیم، ما این‌کار را انجام می‌دهیم. او

**خاندان مائو**

وئی‌چی، در شانگهای، همین‌که در حال تماشای معابد بودایی هستی از حکومت مائوتسه تونگ در ۱۰ سال اخیر برایت می‌گوید. ده سال بحرانی و پر هرج و مرج که در اوج انقلاب فرهنگی، معابد و تصاویر بسیاری از آن‌ها را تخریب و معدوم کردند.

وئی می‌گوید که حالا در مدارس آن را به عنوان ”هرج و مرج ۱۰ ساله“ درس می‌دهند. اما تصویر مائو در خیابان‌ها و روی اسکناس‌ها دیده می‌شود. کتاب‌های او را می‌فروشند و عموما گویی او را می‌پرستند، حداقل در ظاهر چنین است.

از آغاز حکومت دنگ شیائو پینگ تصمیم بر این شد که از سال‌های ابتدایی ریاست مائو تقدیر به عمل آید و بر ۱۰ سال آخر انتقاد کنند. این به ما می‌فهماند که چینی‌ها نسبی‌گرا هستند و تمایل به تابع‌بودن دارند تبعیتی که به وسیله‌ی آن تغییرات و سرنوشت خود را بپذیرند.

در تاریخ چین، سلسله‌هایی که حکومت کردند اغلب از مردمان مناطق شمالی بودند، مغول‌ها یا منچوری‌ها، و مردم با کمال میل آن‌ها را پذیرفته‌اند. در این حالت، انقلاب سوسیالیسم ماتوسه تونگ آخرین خاندانی بوده که مردم عموما از آن تبعیت کرده و به دلیل اشتباهات مرسوم خود آن را پذیرفته‌اند. گذشته از آن، درباره خاندان هان باید گفت که از اتفاقات نادر در تاریخ چین بوده که اکثریت توانسته‌اند به حکومت برسند.

ظاهرا حقیقت دارد که هیچ سلسله دیگری به اندازه مائو نتوانست تغییرات بسیاری در کشور ایجاد کند و آن را متحول سازد. حالا اعم از خوب یا بد موضوع مربوط به یکی از جالب‌ترین مراحل تاریخ چین است: وفور اغراق‌آمیز سکونت ـ که در طول ۶۰ سال جمعیت از ۵۰۰ میلیون به یک میلیارد و دویست میلیون نفر رسید و گذشت ـ وحدت فرهنگی، ورود به بازار جهانی انفجار رشد و پیشرفت در عرصه‌های اقتصادی ویژه.

با محاسبه دوره، در طی اواخر سال‌های ۲۰۰۰، شانزده خاندان به ترتیب پشت سر هم قرار می‌گیرند که از نظر سیاسی کاملا با هم متفاوت بوده‌اند. بعضی‌ها بیش‌تر از بقیه ادامه یافتند ولی در کل همه‌ی آن‌ها در مقایسه با اروپا چندان پایدار نماندند. شاید اکنون به مدد دمکراسی این وضعیت خاتمه یابد و در آینده نزدیک ثبات حاکم شود.

خوشحال است چون توانسته از مرز ممنوع عبور کند و این باعث شد که ما بتوانیم چند عکس از آدم‌هایی که پراکنده این‌ور و آن‌ور دراز کشیده بودند عکس بگیریم.

راهمان را به ووهانو ادامه می‌دهیم. فقط چند ساعت کم است و هیجان رسیدن که شروع بازگشت است ما را دربر می‌گیرد. چمدان را آماده می‌کنند و تو اتاق هی می‌آیند و هی می‌روند. یکی از خانم‌های مسافر از من خواهش می‌کند تا کلاه آبی‌ام را به او بدهم تا از خودش با یک ژست هنری عکس بگیرد: بالا می‌رود، پایین می‌آید، دراز می‌کشد و سرش را می‌چرخاند. او هنرمند محروم و عقده‌ای سفر ماست. زوج جوانی با احساسات تمام از یکدیگر خداحافظی می‌کنند. خانم مسئول کابین به اصرار می‌خواهد که ما هرچه زودتر بیرون برویم تا او همه‌چیز را مرتب کند. توی راهرو که می‌آییم ملافه‌های تمیزی مثل مال خودمان را می‌بینیم که آماده پهن شدن برای مسافر بعدی هستند. ضرب‌المثلی است که می‌گوید: پول داشته باش همه‌چیز داشته باش.

رسیدن به ووهانو منظره‌ای دیدنی است: دهها نفر با پرچم به استقبال ما آمده‌اند و چمدان‌هایمان را با مهربانی برایمان می‌آورند. از دفتر انجمن محلی اسپرانتو بازدید می‌کنیم و با هم در رستوران گران‌قیمتی شام می‌خوریم. یک جور ماهی محلی را هم این‌جا مزه مزه می‌کنیم . سر ماهی را برایمان رزرو می‌کنند و توضیح می‌دهند که بهترین جای ماهی برای میهمان سر آن است. می‌گوییم: بدون هیچ توضیح اضافه‌ای آن را هم خواهیم خورد، تشکر. شب را نزد هو ایکسو Hu Xu ریاست کلوپ اسپرانتو ووهانو می‌گذرانیم. او و همسرش با لطف فراوان ما را می‌پذیرند. هر روز ماجرا بهتر می‌شود.

**مطالعه پرزیدنتی با چشمان بسته**

**روز سی و هشتم**

هو ایکسو چینی‌ای است که خود را ثروتمند قلمداد می‌کند. در عرض ۵ سال توانسته است پول به‌دست آورد. او تعریف می‌کند، که خیلی ثروتمند شد، و البته بعدا خیلی هم از دست داد، ولی هنوز تمکن مالی دارد. او لباس می‌فروشد و دفتر استانی اسپرانتو را با منشی که به او کمک می‌کند می‌گرداند. وی می‌گوید، که می‌تواند برای خانواده‌اش خانه بخرد، چون با والدینش زندگی می‌کند، اما ترجیح می‌دهد آن پول را به‌جای خریدن خانه به کار بزند و برای خانواده بزرگ دیگرش یعنی اسپرانتیست‌ها سرمایه کند.

او یک پسر دارد. با همه چینی‌هایی که تا حالا آشنا شده‌ایم دیدیم که استاندارد رسمی یعنی تک پسر را مراعات کرده‌اند. ما نمی‌دانیم این قضیه اجباری بوده یا دلخواه خودشان به هر حال توضیح خوبی از آنان نشنیدیم. اما مساله جمعیت در این کشور اورژانسی است و باید از راه‌حل‌های اصولی استفاده کرد. این‌جا رشد جمعیت همیشه باعث تعجب است: چین در سال‌های ۱۹۴۰ پانصد میلیون نفر ساکنانش را تشکیل می‌داد، و فقط در حد فاصل سال‌های ۶۰ تا ۸۰ به ۳۰۰ میلیون کاهش یافت. امروز نیز به ۳ برابر ۶۰ سال قبل رسیده است. رسم چینی‌ها در ازدواج زودهنگام و بچه‌دار شدن به تعداد ۵- ۶ تا، کشور را به سمت از دست‌دادن کامل قوا هل داد، و راه دیگری برای دولت باقی نگذاشت و وادار به وضع قانون نمود. بنا بر پیش‌بینی‌های به عمل آمده، طی ۲۰ سال آینده ساکنان این کشور به سوی چروکیدن و پلاسیدن




تغییر حالت خواهند داد، ولی ـ به خاطر افزایش حد متوسط عمر ـ مسئله جدیدی به نام کهولت سر بلند می‌کند و نیاز به بافت جوان برای کارکردن و حمایت از قشر عظیم سالخورده ضرورت خواهد یافت. چنین شرایطی به سختی قابل حل است.

به این جریان دو مساله اجتماعی نیز اضافه می‌شود: تفکرات سنتی از یک جانب که خانواده‌ها فرزند پسر را ترجیح می‌دهند چون ادامه‌دهنده‌ی نسل و خانه و خانواده است. پس تعداد بیمارستان‌هایی که امکان سونوگرافی برای تعیین جنسیت نوزاد را دارند زیاد خواهد شد و به دنبال آن سقط نوزاد دختر هم افزایش می‌یابد و شاید پس از چند سال وجود چند صد میلیون مرد که نمی‌توانند همسری داشته باشند، خود مساله‌ای را ایجاد می‌کند. از طرف دیگر، صرف داشتن فقط یک پسر در فرهنگی که به ۶ تای آن عادت دارند، این فکر را ایجاد می‌کند که آینده توالی نسل و خانواده تنها به یک امید وابسته خواهد بود و این ماجرا در خانواده‌ها می‌تواند مشکل‌ساز باشد.

## هنر آشپزی در چین

موقعی که در ابتدا وارد چین شدیم موجب حیرت‌مان بود که چینی‌ها خیلی کم برنج می‌خورند. در شمال، اگر درخواست کنی آن را به آدم می‌دهند، و نقش نان در کشور ما را ایفا می‌کند. در جاهای دیگر، که ما میهمان بودیم آخر سر از همه آن را تعارف می‌کردند تا ته و توی شکم هم پر شود. برنجی سفید و کمی خمیر مانند بدون هیچ چاشنی‌ای، ادویه‌ای، سبزی یا چیز افزودنی حتی نمک، و بر حسب معمول نیمه‌سرد، و آن را در کاسه سرامیکی سرو می‌کنند درست مثل سوپ. فقط در شانگهای برنج پخته که همراه با غذاهای دیگر بود توانستیم گیر بیاوریم، درست مثل رستوران‌های چینی در اروپا.

در شمال چین و بخش بزرگی از کشور، خمیر کلوچه‌ای عمومی‌تر و عامه‌پسندتر است، مخصوصا رشته فرنگی‌های دست‌ساز با خمیر و تخم‌مرغ یا همان اسپاگتی، که درس آشپزی را کامل می‌کند. آنجا، تکه‌های کوچک خمیر ورآمده گندم روی یک میز با روکش ماهوتی که بتوانند گرم کنسروش کنند خیلی بازار دارد. توی هر رستوران بزرگ و کوچک، دکه غذاخوری خیابانی یا هر محل غذاخوری دیگری می‌شود همیشه پیدا کرد. وقتی این کلوچه خمیری را سفارش می‌دهی، آشپز یک تکه برمی‌دارد، ورز می‌دهد، و آن را به چند تکه تقسیم می‌کند، سپس از زیر آب گرم رد می‌کند، و خارج از آب هی بیش‌تر و بیش‌تر جمع می‌شود تا تبدیل به رشته ۹ میلی‌متری می‌شود، در این حال آن‌ها را برای هر پرس سفارش داده شده برش داده و مثل کاموا دور دست می‌پیچند و روی میز چند مرتبه

می‌زنند تا دراز و درازتر شود و به دو سه میلی‌متر برسد. داخل دیگ گذاشته و جزء جزء چاشنی و ادویه اضافه می‌کنند.
مارکو پولو پسر یکی از برادران خستگی‌ناپذیر پولو اهل ونیز، طرز تهیه این غذا را به ایتالیا برد، و حالا ساکنان کشور چکمه‌شکل به آن عادت کرده‌اند و خوردن چیز دیگری را بلد نیستند. قریب به یقین بسیاری از نوش‌جان‌کنندگان این رشته خمیر نمونه ایتالیایی نمی‌دانند که اصل این غذا از چین آمده است. احتمالا در هیچ جای دنیا بیش‌تر از چین ذوق و قریحه و تنوع در تهیه غذا و آشپزی وجود ندارد، چون آن‌ها می‌توانند همه‌چیز بخورند، و طبق روشی اصیل هر گونه سبزی و جانوری را می‌بلعند. این‌جا البته مردم در یک کلام این عبارت را به‌کار می‌برند که: "هر پرنده، ماهی یا جانور دونده‌ای حضورش در شکم خوش است". این‌ها مار، سگ، انواع ماهی‌ها از جمله کپور را که ما در غرب دوست نداریم دیس دیس مصرف می‌کنند. توی رستوران، نزدیک ماهی‌فروشی زنی با چند قورباغه بزرگ ایستاده بود. قورباغه‌ها با چشم‌های بیرون وقزده داشتند نفس نفس می‌زدند و منتظر سرنوشت خود بودند تا یک مشتری آمد و آن‌ها را برای پیش‌غذا سفارش داد. ولی کلا غذای چینی را سبزیجات تشکیل می‌دهد و انواع ترکیب و تلفیق سبزیجات حد و حصر و پایانی ندارد. طی این ۲۰ روزی که ما در چین بودیم هرگز غذای تکراری نخوردیم و هیچ‌کدام شباهتی به دیگری نداشت. این هنر آشپزی اصیل است. در غذای فرانسوی که هر یک از مواد کاملا خالص سرو می‌شود و بسیار هم محبوب عام است و در تهیه آن‌ها هم زحمت زیادی کشیده می‌شود، نتیجه به دست آمده قلیل است مثلا چندتا هویج، مقداری نخود فرنگی، یک تکه گوشت استیک، کمی سیب‌زمینی. اما درست برعکس غذای چینی از انواع و اقسام موادی که ظاهرا ناچیز و بی‌ارزش به نظر می‌آید آن‌چنان ترکیب و تلفیقی ایجاد می‌کنند که غذای آماده شده در حجم و اندازه بسیار زیاد پیش روی شماست. در چین، اگر کنار خیابان و جاده علفی بروید حتما آن‌جا یک چینی ایستاده و دارد فکر می‌کند آن را چطور بپزد و با آن چه غذایی درست کند.
چینی‌ها اغلب درباره غربی‌ها به عنوان خام‌گیاهخوار حرف می‌زنند، چون آن‌ها همیشه سبزیجات را می‌پزند و سپس ادویه اضافه می‌کنند و هیچ‌گاه خام مصرف نمی‌کنند. ما در خوردن از یک چیز خیلی پخته شده مثلا در آب یا کباب شده به سوی یک چیز خام مثل سالاد می‌رویم. آن‌ها برعکس، همیشه سبزیجات را کمی خشک می‌کنند، مثلا سوپ را با مایع گوشت و سبزیجات که از قبل آمده شده درست می‌کنند. این‌جوری سرعت در کار را نشان می‌دهند و در عین حال مواد کمی جوشیده و خواص آن از بین نرفته است. سیستم بدی نیست، چون هم مزه بیش‌تری دارد و هم ویتامین زیاد و آن مزه حتی بعد از پخت و جوش زیاد در غذا باقی می‌ماند.
در دره انگور تورفان، راننده تاکسی ـ همانی که انگار توی شکمش دستگاه مکش کار گذاشته بود ـ آب خواست، و به او فنجانی آب گرم دادند. وقتی ما پرسیدیم که اون چیه، راننده پاسخ داد: "آب سفید"، یعنی آب جوشانده گرم. چینی‌ها آب سرد نمی‌خورند و، در هوای گرم خفه‌کننده تورفان، آب را گرم می‌نوشند. آن‌ها نمی‌توانند بفهمند ما چطور آب سرد یا یخ می‌خوریم.
موقعی که به میزی سرویس می‌دهند همه‌چیز را با هم سر میز می‌آورند و آدم باید از وسط میز به هر چیزی نوک بزند، البته گاهی برنج یا سوپ را در ظرف جداگانه برای هر کس سرو می‌کنند. می‌توان سیستم خورد و خوراک را نیز تغییر داد و به جای آن‌که همه چیز پخته شده باشدآن را خام برایت سر میز می‌آورند و دوتا ظرف با منقل آتش وسط میز می‌گذارند، یک ظرف کوچک در داخل ظرف بزرگ حاوی آب روغن چاشنی و سبزی‌دار و خودت هر قدر می‌خواهی می‌گذاری بپزد. وقتی پخت با چوب غذاخوری آن را درمی‌آوری و می‌خوری.
این چوب‌های غذاخوری یا "هاشی" اصلی‌ترین وسیله در میان سایر وسایل غذاخوری است. البته برای سوپ از قاشق استفاده می‌کنند ولی بعضی‌ها آن را همین‌جوری سر می‌کشند و سبزیجات توی آن را هم با هاشی می‌خورند. با دست هیچ چیز سفتی را نمی‌خورند، چون با چوب انواع سبزی، ماهی، کلوچه‌های کوچک گوشتی، خرچنگ، مرغ را می‌توانند بخورند. همه‌چیز به مهارت عملی در استفاده از زرنگی دندان دارد که انواع خوردنی‌ها را تشخیص دهد و با کلی سر و صدا آن را بلع نماید.
اگر آدم غذاهای فراوانی را دید نباید بترسد. به قولی موضوع مربوط به ایست‌گرایی چینی است، چون همیشه قطعا باید چیزی پسماند شود. فقط با غذاهای دورریخته‌شده و پسمانده‌ها نزدیک صد میلیون نفر در طول سال تغذیه می‌کنند. هرچند اخیرا مد شده، که وقتی مردم بیرون غذا می‌خورند بقیه‌ی غذا را با خود به خانه می‌برند و رستوران‌ها ساک، و ظروف یک بار مصرف که اصلا برای همین کار درست شده در اختیار مشتریان قرار می‌دهند.
میوه‌ها را توی مغازه ناز و نوازش می‌کنند، پشت ویترین می‌گذارند، تمیز می‌کنند و برق می‌اندازند، آن‌ها را روی میز و چهارچرخه عرضه نمی‌کنند. بنا به تجربه ما در این‌جا بین وعده‌های غذایی میوه می‌خورند، مثل ما که بعدازظهرها خوردن کیک و کلوچه با چای کلی کیف می‌دهد. قهوه را یا نمی‌شناسند یا چیزی بیگانه که مال کشورهای دیگر است می‌دانند، چای ـ که البته بدون قند یا شکر آن را می‌نوشند ـ هیچ‌گاه تمام نمی‌شود. آن‌ها شیرینی یا کلا شیرینی‌جات مصرف نمی‌کنند، اگر هم یک وقتی بخواهند یک چیز نیمه‌شیرین درست کنند اصلا هیچ شباهتی به استاندارد شیرینی در غرب ندارد. مقوله‌ای به نام دسر وجود ندارد. هرچه را که سرو می‌کنند همان اول است و دیگر وسط و آخر ندارد، این‌جوری خدمت‌کارها و گارسون‌ها در راه‌رفتن و پرسیدن صرفه‌جویی می‌کنند. غذاها سرشار از سبزیجات، بدون شیرینی و شکر و دسر است و در نتیجه همه لاغر مانده و بیش‌تر عمر می‌کنند.
اما از میان تمام چیزهای گفته شده، وجود یک نکته یا تغییر بزرگ در شانگهای گفتنی است، که آن‌جا فست‌فود و قهوه و شیرینی به‌وفور یافت می‌شود. پلو می‌پزند و غذاها یک خورده شیرینی دارند، کم‌تنوع‌تر و گران‌تر است. سرویس بدتری دارند درست مثل همان رستوران چینی که توی خیابان خودمان است. آیا هنر آشپزی چینی ناپدید خواهد شد؟ آیا ممکن است زمانی به چینی‌های چاق و تنومندی برخورد کنیم که دارند توی مترو، یا اتوبوس یا اتومبیل‌شان ساندویچ خود را با خردل سرازیر روی آن گاز می‌زنند؟ ما نمی‌دانیم، اما این یکی از خطرات همه‌جایی شدن است.

حکایت

**Marianne Pierquin (Francio)**

# Ajlan

**S.N. Mozaffari (Irano/Nederlando)**

Ajlan estis nur trijara. Dum iu tago kiam li ludis per sia pupeto "Dusti", vidis lin viro kovrita en tute nigra vestaĵo en kies dekstra mano estis pafilo kaj en la maldekstra mano flago nigra. La viro kriegis: "La kurdoj ne rajtas ludi kun Dusti, donu ĝin al mi" kaj perforte kaptis Dusti-on.

Ajlan plorante kuris al sia patrino kaj demandis ŝin:

-Panjo, kial mi estas kurdo? Kion signifas ĝi? Kial mi ne rajtas ludi kun Dusti?

Rejhane, la patrino, ne povis respondi ĉar alia nigre vestita viro estis ĉe ŝi.

Ajlan kuris al sia pli aĝa frato Qaleb:

-Fraĉjo, mi volas havi mian Dusti-on...

Sed la fraĉjo ne povis helpi. Ĉe li estis alia nigravestulo.

Ajlan, kiel kutime, fermis siajn okulojn kaj flugis al sia patro "Abdollah":

-Paĉjo, mi volas havi Dusti-on, mian pupeton. Oni forprenis ĝin. Nigravestulo batas lin. Savu lin, mi petas...

Abdollah estis en frontoj de Kubani. Li ne povis helpi.

Ajlan fermis siajn okulojn kaj flugis al najbaroj. Iliaj urboj estis sekaj kaj neverdaj. Neniu helpis.

Ajlan fermis siajn okulojn kaj flugis al la sankta muro por peti diojn malantaŭ la muro. Neniu dio helpis lin.

Ajlan decidis transflugi la marojn. Estis danĝera



vojaĝo ĉar ĉifoje ne eblis reveni. Tamen li faris tion. Li estis kuraĝa. Li ne timis longan vojaĝon.

La urboj estis verdaj. La homoj ne havis nigrajn vestojn. Ajlan petis de homoj pri sia Dusti. Ili promesis al Ajlan redoni al li lian Dusti-on sed kondiĉe ke li lasus ĝin al la homaro. Ajlan devis iri al la paradizo sen Dusti. Ajlan estis kuraĝa kaj akceptis la kondiĉon.

Morgaŭ matene ĉiuj komunikiloj de nia Terglobo skribis, filme montris, radie elsendis kaj interrete disdonis la novaĵon:

Ajlan iris al la paradizo kaj lasis sian Dusti-on al la homaro. Por rekompensi lian kuraĝon Eŭropa decidis akcepti 200.000 rifuĝintojn.

RAKONTO

**Ali Asghar Kousari – Kangavar**

## La arboj de juglando kaj melono

Iam viro vojaĝis per sia azeno. Li estis tre laca kaj soifa. Li atingis ĝardenon kaj eniris ĝin por ripozi.

Li kuŝis sub la ombro de juglandarbo kaj iomete dormis.

Li vekiĝante ekvidis melonbedon proksime. Li pensante diris sin mem: Ja Dio estas tre granda kaj potenca. Sed mi miras lian agon. Mi ne komprenas kial la arbo de malgranda juglando estas pli granda ol tiu de granda melono? Pensante jenan aferon falis sur lian kapon juglando.

La viro tuj Didankis kaj diris: Ja Dio pli scias. Se falus pli granda melono anstataŭ malgranda jugolando sur mian kapon mi aŭ mortiĝus aŭ vundiĝus. Li ja estas plej saĝa .

# Recirkuligo de papero: ekonomiaj kaj ekologiaj efikoj

Pasintjare du svedaj sciencistoj publikigis artikolon en respektata scienca ĵurnalo por konservado kaj recirkuligo, en kio iii prezentis rezultojn de komputila programo verkita por taksi la mediajn kaj ekonomian rezultojn de diversaj strategioj rilate alia recirkuligo de papero. La programo taksas la situacion en tuta okcidenta Eŭropo, inkluzive de la skandinaviaj landoj.

Enkonduke iii mencias:

"Grave por la medio dum la recirkuligo de papero estas la efiko de la energio bezonata. La produktado de papero kaj kartono el uzita papero bezonas energion, ĝenerale deveninta de fosiliaj fontoj, kiel oleo kaj karbo. Malsame kiel dum la produktado de papero el ligno, dum kio pluso da energio haviĝas, oni devas aldoni termikan energion por sekigi la paperajn produktojn. Se oni aliflanke estus uzanta uzitan paperon mem kiel bruligaĵo, estus bezonata malpli da fosiliaj karburaĵoj, kio siaflanke efikus pozitive sur la terovarmigan efekton. Aliflanke, produktado de papero el ligno bezonas la faligon de arboj kaj kaŭzas poluon de la aero, samkiel la kolektado de uzita papero."

Oni do vidas, ke ankaŭ la recirkuligo de papero malbone efikas sur la medion. La demando nun estas ĉu pli aŭ malpli ol la produktado de papero el ligno.

La komputila modelo nun povas ellabori kaj la sumon de ĉiuj kostoj kaj indekson por la mediaj efikoj de definita scenaro uzita en la ekonomio por liveri alia merkato la produktojn postulitajn de la konsumentoj. Tiuj kalkuloj baziĝas sur detala sciaro pri la teknologio de paperproduktado, pri la merkato por paperaj produktoj. Ĝi ankaŭ utiligas akceptitajn metodojn por taksi mediajn efikojn, ekz. la metodon de ekobilancado.

Plie, la komputila modelo povas ellabori kia strategio minimumus la sumon de ĉiuj kostoj (ĝi do trovas la ekonomie plej favoran strategion), aŭ kia strategio minimumus la indekson de mediaj efikoj (en tio kazo ĝi trovas la ekologie plej favoran situacion).

En 1990 la uzado de uzita papero en la produktado de nova papero estis 53% en okcidenta Eŭropo, sen Skandinavio. Oni taksis ke tiu nombro versajne ne pli malatigos estontece, kaj ke verŝajna maksimumo por la recirkuligo estos 73% (certaj uzitaj paperoj simple ne taŭgas por denove farigi el iii paperon). La komputila modele nun ellaboris la jenajn rezultojn:

Se oni volas paperindustrion je la plej favoraj ekonomiaj kondiĉoj, oni recirkuligu plej eble multe - do la permisatajn 73% de uzitaj paperoj.

Tamen, se oni volas minimumi la sumon de ĉiuj mediaj efikoj de la paperindustrio, oni ne recirkuligu pli ol la nunajn 53%.

La rezultoj certe estas surprizaj, ĉar kutime oni opinias ke recirkuligo estas la pli bona alternativo por la medio. Tamen, oni taksu ĉi-tiujn rezultojn zorge. Ekzemple la metodo de kalkulado de la indekso por mediaj efikoj estas nur unu el diversaj metodoj proponitaj. Ĉiokaze estas malfacila demando, kiel kompari unu malbonan median efikon al alia, ekz. la terovarmigan efekton al acidan pluvon. Laŭ la aŭtoroj, la metodo uzita de iii ekz. taksas tre grava la uzon de fosiliaj karburaĵoj kaj malpli grava la efikon de lignoproduktado sur la biodiverseco.

Sumsume oni devus tamen noti, ke ankaŭ recirkuligo povas malbone efiki sur la medio. La demando estas nur "kiel", kaj ĉu tiuj efikoj estas pli seriozaj ol tiuj de produktado el originaj materialoj. Kaj tio certe ofte estas komplikega afero.

**(sumraporto de H. von Blottnitz pri la artikolo: "Paper recycling: environmental and economic impact" de Stig Bystrom kaj Lars Lonnstedt, en la ĵurnalo Resources, Conservation and Recycling, 21 (1997), p. 109-127).**

sendis: Simin Emrani

# La Rezolucio de la 2a Irana Esperanto-Kongreso

## La Kongresa temo: Esperanto, dialogi tutmonde

Ni, 55 partoprenantoj en la 2a Irana Esperanto-Kongreso alvenintaj el 3 landoj de la mondo, kaj 10 urboj de Irano, kongresante en Tehrano, Irano, en la 27a kaj 28a tagoj de aŭgusto 2015, unuanime:

Konfirmas:

- La vivogravan rolon potencialan de la internacia lingvo Esperanto por tutmonda kaj sen-diskriminacia dialogado kun la Daŭreblecaj celoj, ĉar ĝi estas lingvo unuflanke ege diriva kaj riĉa, kaj aliflanke tre facile kaj rapide ellernebla por ĉiuj homoj kun plej diversaj gepatr-lingvoj. Tio garantios sen-miskomprenan komunikadon cele al paco, egaleco, justeco, amikeco kaj reciproka respektado.
- Neimageble pli bonajn hom-kondiĉojn en la post-Esperanta mondo, en kiu dank' al la neŭtrala interlingvo, ĉiuj ĉie povos interagi kun aliaj sur ĉiuj kampoj, kiel socioj, sciencoj, transcendo, kulturo, edukado kaj politiko. Rezulte, ni

Konsiderante:

- Ke Irano iniciatis ankaŭ pri La Jaro de "La Dialogo inter Civilizacioj" de La Unuiĝinta Naciaro (la jaro 2001); kaj ke la unua kondiĉo por ĉia justa kaj ĝusta dialogo estas komuna, neŭtrala kaj sendiskriminacia lingvo kiel Internacia Lingvo Esperanto,
- La du por-Esperantajn Rezoluciojn de Unesko (en la jaroj 1954 kaj 1987), en kiuj al ĉiuj membroŝtatoj estis rekomendite enkonduki Esperanton en la lernejojn kaj universitatojn,
- Ke Irano eĉ antaŭ la Uneskaj Rezolucioj rolis grave en prezentado kaj proponado de Esperanto en la internaciaj kunvenoj kaj rilatoj jam ekde ties komencaj jardekoj en la unua kunsido de La Ligo de Nacioj en la jaro 1921,
- Ke honore al la internacia lingvo Esperanto kaj ties kreinto, d-ro L.L. Zamenhof (1859-1917), jam pli ol 1000 publikaj lokoj, kiel stratoj, aleoj, parkoj, placoj, ... en pli ol 50 landoj de la mondo nomiĝis "Esperanto" aŭ "D-ro Zemenhof" aŭ simile,



Konstatinte ke:

- Eeperanto kiel eko-lingvo multege povas helpi la homaron por atingi al la celoj de Daŭrebleco en ĉiuj ties tri terenoj, t.e. ekonomia, socia kaj media, ŝparigante tre multan tempon, homforton kaj naturaĵojn evitante gigantan produktadon de forcejaj gasoj,
- La Interreto - probable la plej progresinta kaj efika atingaĵo de la homaro en la komunikada kampo - restas sterila sen ekzisto de Esperanta traduko de ties nacilinga enhavo, ĉar neniu povas ellerni tiom da nacilingvoj, en kiom la interretaj paĝoj estas skribitaj. Samo validas ankaŭ pri filmoj, libroj, magazinoj, revuoj, radiaj televidaj programoj kaj .... Unu el la

rezultoj de la nuna lingva misordo estas diskriminacio kaj maljusto en aljuĝado de premioj kiel Nobeloj kaj Oskaroj

- Altrudado de diversaj naciaj lingvoj kiel la internacia lingvo dum la historio neniel helpis al egalrajta komunikado, paco kaj amikeco inter divers-landanoj kaj -lingvanoj, kaj eĉ male, kreskigis malamon kaj maltoleremon inter la popoloj
- Eĉ longtempa lernado de fremdaj naci-lingvoj kiel la angla kaj la franca havas tre malaltan rezulton (En oriento post multjara lernado nur unu el mil lernantoj povas utiligi la lernitan fremd-lingvon, en okcidento unu el cent)
- Eĉ mallongtempa lernado de Esperanto (ĉirkaŭ nur 100 horoj) estas tute efika por baza komunikado inter la plej variaj teranoj
- Nek Okcidento, nek Oriento; nek Nordo, nek Sudo disponas la tutan atingaĵaron de la homaro, ĉu fizikan, ĉu nefizikan
- Pere de Esperanta dialogo, amikeco, toleremo, sciencoj, artoj, teknologioj …. povas tre bone kaj sendiskriminacie flui inter diversaj landoj, kulturoj kaj homoj
- Multegaj eksperimentoj en diversaj landoj kiel Anglio, Aŭstralio, Italio, … jam montris multaspektan utiladon de lernado de Esperanto, i.a. tujan komunikadon kun alilandaj gelernantoj, pli radikan lernadon/komprenadon/konatiĝon kun sia gepatra lingvo, pli facila, pli bona kaj pli rapida lernado de aliaj naciaj lingvoj

Rekomendas akcente al ĉiuj ŝtataj kaj neŝtataj institucioj, instancoj kaj organizaĵoj - same al ĉiuj individuoj:

- Kontribui por prezentado kaj instruado de Esperanto kiom eble plej vaste, multe, bone kaj frue
- Utiligi Esperanton en internacia prezentado de siaj ĉiaspecaj produktoj ekz-e libroj, revuoj, magazinoj, radiaj kaj televidaj programeroj, filmoj, kaj interretaj paĝoj




Alvokas

- Al koncernaj ministerioj (ekz-e pri edukado, altedukado, sporto kaj junularo, ....) serioze konsideri la plenumitajn eksperimentjn en aliaj landoj kaj ekagi por vasta informado, instruado kaj aplikado de Esperanto.
- Al NeRegistaraj Organizaĵoj - ĉu naciaj ĉu internaciaj - helpi al konatigado, lernigado kaj uzado de Esperanto ĉiu-rimede kaj ĉiuterene i.a. utiligante ĝin en siaj internaciaj publikaĵoj, rilatoj kaj kunvenoj.
- Al la urbodomoj de diversaj urboj, ke honore al la internacia lingvo Esperanto kaj ties kreinto, d-ro L.L. Zamenhof (1859-1917), eknomi diversajn publikajn lokojn, kiel stratojn, aleojn, parkojn, placojn, … je "Esperanto" aŭ "D-ro Zemenhof" aŭ simile.

مصاحبه



# vojaĝo en Irano: EKSTER-ORDINARA IMPRESO

## INTERVJUIS: HAMZEH SHAFIEE

**H: Saluton S-ro Kobaŝi! Mi petas vin unue prezenti vin mem kaj diri pri via antaŭjuĝo pri Irano, kaj kial vi venis al Irano? Kial vi elektis Iranon por via vojaĝo?**

K: Mi nomiĝas Kobaŝi, el urbo de Kioto. Mi estas Japana. Mi fariĝis Esperantisto antaŭ kvin jaroj. De kiam mi estis studento, mi tre ŝatis vojaĝi; pro tio, antaŭ ol mi esperantistiĝis, mi jam vojaĝis en multaj landoj. Poste, dank' al esperanto, uzante mian esperanton, mi vojaĝis en kelkaj aliaj landoj, por konatiĝi aŭ amikiĝi kun lokaj esperantistoj. La kialo ke mi elektis Iranon por tiu-ĉi vojaĝo, estas ke en Irano loĝas multaj esperantistoj. Tiu ĉi jaro okazis la unua irana tutlanda kongreso, sed bedaŭrinde tiam mi estis tre okupita kaj mi ne partoprenis en tiu kongreso. Mi estas esperantisto, tamen mi ŝatas lerni aliajn fremdajn lingvojn. Por tio, por viziti iun landon, ekzemple iranon, mi devigas min lerni iomete lokan lingvon, Persan lingvon, dum eble du-tri monatoj, por komuniki kun ne-esperantistoj, ankaŭ kun ordinaraj. Kaj Irano estas tre mistera lando; kaj en Japanio, Japanoj ne tre bone komprenas la realan iranan situacion. Pro tio mi tre interesiĝas pri Irano.

**H: Vi restis en Irano nur unu semajnon, kiujn urbojn vi jam vizitis en Irano dum via vojaĝo?**

K: Mi vizitis unue Tehranon, kaj Esfahanon, kaj Ŝirazon inkluzive tiu tre fama, kiel diri, ruino de monda heredaĝo, nomata Persepolis, (en persa lingvo: Taĥte-Ĝamŝid)

**H: Ĉu vi renkontis esperantistojn ankaŭ en aliaj urboj? En Esfahano kaj en Ŝirazo?**

K: Jes, en Esfahano mi renkontis tre ĝentilan esperantistinon, S-ino Arabŝahi, kaj ŝi invitis min al sia hejmo por vespermanĝi kunekun sia edzo kaj kelkaj parencoj, kaj ni havis tre ĝojan bankedon kune, kaj poste mi vizitis urbon Ŝirazo, kie mi renkontis du Esperantistojn kaj havis okazon por paroli kaj interŝanĝi opiniojn, Ne longa tempo, tamen mi ĝuis renkonti ilin.

**H: Nun post unu semajno, ĉu vi havis iun impreson aŭ iun ŝanĝon pri via antaŭ-juĝo pri Irano?**



K: Tre malfacila demando! Irano estas tre malproksima lando kaj en pasinteco niaj ambaŭ du landoj ne havis intiman rektan rilaton. Pro tio ĝenerale ni japanoj ne scias tre bone pri Irano, kaj hodiaŭ multaj novaĵoj en televidoj kaj ĵurnaloj propagandas pri iu danĝera situacio en tiu-ĉi regiono inter ĉinio kaj Irako kaj Egiptio kaj Irano ankaŭ. Ni, japanoj, konfuzas arabajn landojn kun persa irano. Tamen, ĝenerale jes, mankas la kono pri diferenco inter arabaj landoj kaj Irano. Poste mi vojaĝis, almenaŭ unu semajnon, kaj mi ricevis multajn bonajn dezirojn de irananoj. Eĉ surstrate kiam mi promenis, multaj nekonataj homoj demandis al mi de kie mi venas. Estas unu maniero de bonvenigi de irana popolo mi pensas. Ili estas tre, kiel diri, ne tro scivolema sed atentema, Ili deziras scii pri okcidenta

INTERVJUO

homo kiel mi. Eble mia vizaĝo, mi stimulas kuriozan scivolan penson. Tiu kuriozeca scivolemo de la irananoj estas tre granda. Mi parolas nur iomete Persan lingvon, tamen mi sentas aŭ komprenas tre bone iliajn dezirojn scii kaj koni min. Estas tre agrabla afero ke ili ĉiam diras ion al mi, kio estas tre bona. Mi sentas min tre feliĉa. Ilin mi ne konas, tamen ili diras ĉiam kaj rigardas min kiel parenco de malproksima lando. Kaj ni estas ĉiuokaze Azianoj. Pro tio, iu komuna senco estas tre grava afero.

**H: Ĉu vi renkontis iun problemon aŭ malfacilaĵon dum via vojaĝo?**

K: Ĝenerale mi ne havis seriozajn problemojn. Tamen, de Esfahano, mi prenis luksan aŭtobuson, ŝajne tre luksa kaj perfekta. Tamen survoje okazis iu motora problemo. Pro tio, survoje, ŝoforo kontrolis tiun motoron kaj iom li povis daŭrigi la veturadon. Finfine ni estis eble 40 kilometroj de ŝirazo kaj la buso komplete paneis. Oni komencis ripari sed estis noke kaj tre mallume. Mi sentis min, kiel diri, iomete maltrankvila. Post 30 minutoj, ili malsukcesis ripari la aŭtobuson. Sed junulo rigardis min kaj sciis ke mi estas eksterlandano. Li tiam proponis, ke lia frato kiu loĝas en ŝirazo veturigu nin. Li ne konis min sed tamen proponis sian helpon. Tiu helpemo estis tre dankinda, sed mia lingvo nivelo en la persa ne estis sufiĉa por danki lin. Pro tio, mi petis lian telefon-numeron. Kaj poste mi petis de renkontita esperantisto telefoni al li por esprimi mian dankon. S-ro Samanipur tion faris en Ŝirazo. Tio estis la unika serioza problemo dum miaj vojaĝoj en la lastaj 30 jaroj. La plej serioza problemo.

Mi renkontis en Ŝirazo du esperantistojn , S-ro Samanipur kaj S-ro Vesal. Kaj mi parolis pere de Telefono kun alia Esperantistino, tamen mi ne povas memori ŝian nomon.

**H: Kaj restas du demandoj. Mi scias ke eble tiu-ĉi demando estas malfacila por vi respondi, ĉar vi restis nur unu semajnon en Irano kaj ne renkontis multajn esperantistojn, sed mi deziras scii kiel vi taskas la e-movadon en Irano.**

K: Jes, Mi renkontis kelkajn Esperantistojn en Tehrano, en tiu-ĉi klaso kaj lastan dimanĉon. Mi restis nur unu semajnon, kompreneble mia sperto, mia impreso, ne eble taŭgas. Kaj estas iomete danĝere konkludi baze de mia vojaĝo. Tamen Irananoj estas iom, kiel diri, hontemaj, por paroli, ŝajnas iom heziti por lerni fremdajn lingvojn ekzemple Esperanton. Eble Ili ne deziras fari erarojn same kiel japanoj. Tiurilate irananoj iom similas al japanoj.

**H: Dankon kaj la lasta demando: Nun Vi revenos al Japanio, Ĉu vi deziras aŭ pretas denove reviziti Iranon iam poste?**

K: Ja ja. Pasintan Dimanĉon mi vizitis vian kunsidon ĉi-tie, kaj diris ke mi jam vizitis proksimume 210 landojn. Tiu ĉi vojaĝo en Irano estis tre, kiel diri, ekstr-ordinara imprese. Ĉar homoj estas tre amikemaj. Tio estas la plej ĝojiga sperto. Kaj mi pensas ke se mi povus paroli pli la Persan lingvon, mi povus komuniki kaj amikiĝi kun ordinaraj, ne esperantistaj homoj. Kaze de reveno al Irano, mi devus plu lerni la persan lingvon. Estas mia deziro. Mi eble partoprenos en la dua Irana kongreso venontjare, ĉar ĝi okazas en la tempo de ferioj en somero. Por tio mi povas plani antaŭe kaj se eblus, kompreneble mi partoprenos en la kongreso. Kaj ankaŭ, mi deziras vojaĝi, kaj jes, pro tio mi deziras reveni al Irano.

**H: Ni ankaŭ deziras revidi vin precipe dum nia kongreso. Koran dankon pro via intervjuo.**

K: Ne dankinde!

Angelina Taremi




## Kondolence,

Bedaŭrinde nia samideanino Anĝelina (Fereŝteh) Taremi kiu de antaŭ kelkaj jaroj migris al usono, jam forpasis. Kondolencon al ŝia familio. Pacon al ŝi.

Ŝi estis delegito de UEA kaj unu el la aktivaj iranaj e-istoj ekster Irano. Ŝia forpaso estas granda manko. Dio benu ŝin!

## Novaĵ-Servo de Irana Esperantisto:

# Irana Nobel-Premiuto parolas pri Esperanto

AHMAD REZA MAMDUHI

## "Renkontiĝo kun Mahmud Doŭlatabadi"

En La Nacia Librejo de Irano

15an de sep. 2015, 15:00-1700

En Salono Hekmat (Saĝo) de laAndiŝgah (Pensejo) de la Nacia Librejo de Irano

**Enkonduke**

**Sekve de reta diskutado de la komitatanoj kaj anoj de la Irana Esperanto-Asocio (IREA), kio ĉefe okazis/as per Telegram programo, oni jam decidis i.a. akiri opiniojn de la iranaj famuloj diversterenaj pri Esperanto kaj ties kreinto d-ro L.L. Zamenhof, ĉar krom la bondiraĵoj de elstaruloj de la antaŭa generacio, kiel M. Gandhi, R. Rolland kaj L. Tolstoy – kiuj ja ankoraŭ estas treege imponaj kaj efikaj – la nuna publiko konscie-nekonscie bezonas ankaŭ apogon de la nuntempaj pensemuloj por pli konfide aliri nian lingvon. Samon aŭ similon ni dezirus proponi al nia internacia samideanaro por fine disponigi al ni kvazaŭ ĝisdatigitan sekvaĵon de la verko de Isaj Dratwer, Pri Internacia Lingvo dum Jarcentoj (2a eld. 1977). Jen raporto pri la unua paŝo ĉi-prie:**






La dek kvinan de decembro 2015, en plenplena salono de la Nacia Librejo de Irano, nomata Hekmat (Saĝo), okazis ceremonio omaĝe al unu el la plej grandaj verkistoj de Irano, s-ro Mahmud Doŭlatabadi (1940-). Li verkis abunde, kaj liaj verkoj jam tradukiĝis en multajn lingvojn, kiel la kurda, araba, norvega, germana, angla, sveda, kaj itala. Doŭlatabadi, kiu gajnis diversajn premiojn internaciajn, laŭ Wikitrans, "estas irana verkisto kaj aktoro, konata pro lia apogo al socia kaj arta libereco en nuntempa Irano kaj liaj realistaj bildigoj de kampara vivo, tirita de lia persona sperto. Li, i.a. verkis la plej longan romanon en la persa lingvo: 10 volumojn kun 3000 paĝoj. Kelidar, lia plej fama romano, estas sagao pri kurda nomada familio. Enciklopedio *Iranica* laŭdas ĝian "heroan, lirikan, kaj plezurigan lingvon. "Laŭ la Enciklopedio, la treega populareco de la romano inter irananoj estas pro "lia detala portretado de politika kaj socia renverso, kio estas lia 'komerc-marko' kiel romanisto."

Laŭ letero de alia giganto en la nuntempa persa literaturo, t.e. Mohammad Ali Ĝamalzade (1892-1997), kio ankaŭ dum la ĉi tie menciita ceremonio laŭtlegiĝis:

"Mi legis multajn romanojn. De okcidentuloj mi legis ege multe. Mi ne imagas, ke iu povis krei tian majstroverkon, kian Doŭlatabadi faris. Por mi estas certa, ke iam oni ekscios la valoron kaj rangon de Kelidar, kaj ĝi tradukiĝos en multajn lingvojn. Mi vidas tagon, kiam nia kara Doŭlatabadi ricevos Nobelpremion. Kompreneble, probable mi, maljunulo nuna, ne ekzistos en tiu tago; sed mi certas, ke tradukado de Kelidar al vivaj lingvoj de la mondo, atingigos Doŭlatabadion al la Nobela Premio. Kelidar estas la plej bona romano, kiun mi legis ĝis nun."

La du-hora programo en La Nacia Librejo de Irano konsistis el:

1. Deklamado de kelkaj fragmentoj el diversaj verkoj de Doŭlatabadi far li mem,
2. Rakontado de kelkaj memoroj rilate al la deklamitaj fragmentoj far li,
3. Respondado al la demandoj de ĉeestantaj ĵurnalistoj kaj publiko,
4. Legado de leterfragmento de Ĝamalzade pri Doŭlatabadi rilate al Nobel-premio far Ali Dehbaŝi, iranano ĵurnalisto, Iranologo, esploristo kaj verkisto, kaj fine:
5. Subskribado far Doŭlatabadi por la interesatoj (li subskris ankaŭ "Memoraĵe por la Irana Esperantisto)




En la 3a parto, flanke de "la 13jara kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto, nomata Irana Esperantisto" (kies persa titolo estas Pajame Sabzandiŝan: Mesaĝo de Verdideanoj), Ahmadreza Mamduhi, klariginte mallonge pri bondiraĵoj de mondaj famuloj pri Esperanto, kiel Roman Rolland, Mahatma Gandhi kaj Leo Tolstoy, demandis al Doŭlatabadi:

"Kio estas via opinio pri Esperanto, kiel irana intelektulo?"

Ankaŭ, aludante al antaŭa demando de alia ĵurnalisto, kiu demandis Doŭlatabadion kiel li pensas pri tio, ke ankoraŭ oni ne aljuĝis Nobel-premion beletran al irananoj, Mamduhi demandis:

"Ĉu vi ne kredas, ke la angla lingvo estas kaŭzo por tio, ke iranaj verkistoj ankoraŭ ne sukcesis gajni Nobelpremion? Ĉar la plejmulto de tiuj, kiuj gajnis Nobelon aŭ verkis angle, aŭ iliaj verkoj tradukiĝis anglen; kaj (ĉu vi ne kredas, ke) se Esperanto universaliĝos, tia diskriminacio malaperos?"

Jen la respondoj de Doŭlatabadi:

"Unue (mi diru), ke la angla lingvo kaj la Islama Respubliko estas baroj. La anglan lingvon kaj la Islaman Respublikon oni devas vidi unu ĉe la alia. Kaj alio estas tio, ke verkoj, kiuj ĉiuokaze kreiĝas en la mondo, kaj kreiĝas en la patrinaj lingvoj kaj kompreniĝas en la patrinaj lingvoj. Se iu pensas, ke kulturaj centroj de la mondo (kiel tiu de Nobelo) ne sciiĝas pri tio, ke (ekz-e) en angulo de Afganio estas iu juna verkisto, kiu verkas nigrajn novelojn, oni devas endubiĝi pri la monda reto (de la kultura centro) – ja ni ne dubas pri tio, t.e. (laŭ ni) ili scias, ke en angulo de Afganio estas tiu junulo, kiu verkas tiel. Nu, tio estis pri tio.

Tiu homo, kiu inventis Esperanton, laŭ mi estis tre grava homo. Laŭ mia opinio, li faris tion kun sia vasta perspektivo por estigi interkomprenadon inter la homoj. Mi ne scipovas (Esperanton); mi scipovas neniun (fremdan) lingvon. Ties kialo estas tio, ke en iuj okazoj mi komencis lerni duan lingvon, sed vere mi ektimis (de tio). Tio, kion mi volas nun rakonti por vi, okazis en malliberejo. En malliberejo estas bona oportuno por lerni (fremdan) lingvon. Ankaŭ mi

خبر

komencis lerni. Post monata aŭ 20taga lernado, mi ekvidis, ke mi estas faranta frazojn en alia lingvo - poste mi aŭdis, ke komenco de bona lingvo-lernado estas samtio - tamen tiam mi estis tiel ekterurita, ke mi fermis la anglan libron eke, kaj ekkuris (el mia ĉelo) en la bandon (komuna parto de karcero por malliberuloj), kaj ekprenis Ŝamsan Gazalaron (Gazalaro de Rumi) – kaj kvazaŭ iu lingvo estas forprenanta ion (de mi) – komencis legi ĝin.

Sed ĝenerale, Esperanto – kies lokon praktike prenantas la angla – estas komuna internacia lingvo, kiu necesas por hodiaŭo kaj por la hodiaŭaj homoj. Kaj Unesko antaŭ la finiĝo de la dua jarmilo anoncis, ke en la tria miljaro, se iu ne scipovas komputilon kaj unu internacian lingvon, tiu ne estos monda civitano. Ekde tiu dato, mi anoncis al mi, ke: "Vi ne estas monda civitano, kaj tion memoru!"



Fine de la ceremonio Doŭlatabadi subskribis por la amaso de interesatoj



Mahmud Doŭlatabadi subskribis "Memoraĵe por la sezon-revuo Sabz-Andiŝan" (Irana Esperantisto: perse "Mesaĝo de Verdideanoj")

## Kelkaj frazoj el liaj verkoj

"La plej stranga eco de la homo estas tio, ke li scias iu ago estas malbona kaj malutila, sed li faras tion eĉ ripete. Ĉiu homo, konscie kaj nekonscie, iel obstinas kaj kontraŭas sin, kaj neniu alia (homo) estas pli detruiga al la homo, ol la homo mem rilate al si."
El: Soluk

"Kiom multe povas esti ĉagrena kaj malfacila la mondo, kiam vi havas neniun pretekston por ĉeesti en ĝi."
El: Soluk

"Tio venis en mian penson, ke 'kiam arto subteniĝas per politiko' estas ĝuste kiel kiam virino ne povas iri ien aŭ fari sendependan laboron sen la permeso de sia edzo."
El: Perlaboro far verkado (Nune Neveŝtan, laŭlitere: Pano de Skribado)

"Kiun verkiston vi konas en la mondo, kiu ne demandis sin 'Kial mi skribas?' kaj kiun verkiston vi konas, ke sekve de tia demando ĉesis verki?"
El: Perlaboro far verkado (Nune Neveŝtan, laŭlitere: Pano de Skribado)

(Mi timas, ke) La vivo ne estu tiom grava, kiom mi gravigas ĝin!
El: Perlaboro far verkado (Nune Neveŝtan, laŭlitere: Pano de Skribado)

NOVAĴO

## Plu pri Mahmud Doŭlatabadi

(el Wikitrans: http://epo.wikitrans.net/Mahmoud_Dowlatabadi?src=Mahmoud+Dowlatabadi)

En 1940, Mahmoud Doŭlatabadi estis naskita al malriĉa ŝuisto en Dowlatabado, malproksima vilaĝo en Sabzevaro, en la nordokcidenta parto de Ĥorasano, nordoriente de Irano. Li laboris kiel farmhelpanto kaj pasigis ekzamenon en Mas'ud Salman Lernejo, kie li lernis legi. Libroj estis revelacio al la juna knabo. "Mi legis sur la tegmento de la domo per lampo ... mi legis Militon kaj Pacon tiu-maniere." Kvankam lia patro havis malmulte da formala edukado, li enkondukis Mahmudon al la persaj klasikaj poetoj, kiel Sadio, Hefezo kaj Ferdoŭsio. "[Mia patro] ĝenerale parolis en lingvaĵo, kiun ili utiligis", Doŭlatabadi diris.

Doŭlatabadi estas famkonata kiel unu el la plej gravaj verkistoj en nuntempa Irano, precipe por sia uzo de lingvo. Li elstarigas kamparan parolmanieron, uzante la riĉan, kaj lirikan tradicion de la persa poezio. Kamran Rastegar, tradukisto de kelkaj verkoj de Doŭlatabadi diris, ke li "ekzamenas la kompleksecojn kaj moralajn ambiguecojn de la travivaĵoj de la senhavuloj kaj forgesitoj, miksante la brutalecon de tiu mondo kun la poezio de la persa lingvo. La plej multaj aliaj iranaj verkistoj venas de firme etburĝaj fonoj, kun urbaj edukoj. Pro lia kampara fono, Doŭlatabadi elstaras kiel unika voĉo."

Nahid Mozaffari, kiu redaktis Pen-antologion de irana literaturo, diris pri Doŭlatabadi: "Li havas nekredeblan memoron pri folkloro, kiu eble venas de liaj tagoj kiel aktoro aŭ eble venas de liaj originoj, kiel iu, kiu ne havis formalan edukon, kiu lernis aĵojn parkerigante la lokan poezion kaj aŭdante la lokajn rakontojn."

Kiel adoleskanto, Doŭlatabadi okupiĝis pri komerco kiel sia patro kaj malfermis butikon. Unu posttagmezon, li trovis sin senespere enuigita. Li fermis la butikon, donis la ŝlosilon al knabo, kaj diris al li diri la patron "Mahmud foriris." Li kaptis veturon al Maŝhado, kie li laboris por jaro antaŭ foriri al Tehrano por okupiĝi pri teatro. Tie Doŭlatabadi laboris por jaro antaŭ ol li povis pagi por teatroklasoj. Kiam jes, li ekstaris al la pinto de ia klaso, samtempe laborante en multaj diversaj laborlokoj. Tiel, Krom aktoro, li estis ŝuisto, barbiro, bicikloriparisto, stratheroldo, kotonplukisto, kaj kineja biletprenanto. Ĉirkaŭ tiu tempo li ankaŭ okupiĝis pri ĵurnalismo, fikcio, kaj filmoj. "Kiam ajn mi estis fininta laboron kaj ne estis maltrankvila pro trovado de manĝaĵo, mi sidiĝis kaj ekskribis", li diris.

Aldone al lia rolludado en teatraĵoj de Berthold Brecht, Bahram Beyzai kaj Arthur Miller, la romanoj de Doŭlatabad altiris la atenton de … loka polico. En 1974 li estis arestita fare de la sekreta polico de la ŝaho. Kiam li scivolis precize kiun krimon li faris, ili respondis al li, "Neniun, sed ĉiun personon, kiun ni arestas verŝajne havas kopiojn de viaj romanoj, do



tio igas vin provokema al revoluciuloj." Li estis en malliberejo dum du jaroj.

### Malplena Loko de Soluĉ

Pri la finaj tempoj de sia malliberecо, Doŭlatabadi diris: "La tuta historio de Malplena Loko de Soluĉ venis al mi tuj unufoje, kaj mi skribis la tutan verkon en mian kapon." Doŭlatabadi ne permesitis surpaperigi ion ajn dum li estis en la malliberejo. "Mi komencis iĝi sentrankvila", li diris. "Unu el la aliaj malliberuloj ... diris al mi, 'Vi kutimis esti tiel bone kapabla por akcepti malliberejon, kial nun vi tiel maltrankvilas?' kaj mi respondis, ke mia timo ne estis rilata al la malliberejo kaj ĉio, kio venis kun ĝi, sed estis pro io tute alia. Mi devis skribi tiun libron." Kiam li estis finfine liberigita, li verkis Malplena Loko de Soluĉ dum 70 noktoj. Ĝi poste iĝis lia debuta romano publikigita en la angla, antaŭante La Kolonelon.

En Malplena Loko de Soluĉ, malriĉa virino kreskigas siajn infanojn en izolita vilaĝo post la neklarigita malapero de sia edzo, Soluĉ. Kvankam la ideo por la nova romano unue venis al Dowlatabadi en malliberejo, ĝiaj originoj spuras reen al lia infanaĝo. "Mia patrino kutimis paroli pri virino en la vilaĝo, kies edzo ekmalaperis kaj forlasis ŝin solan. Ŝi estis devigita kreskigi plurajn infanojn sola. Ĉar ŝi ne volis ke la vilaĝanaro kompatu ŝin, ŝi prenis pecon de la graso de ŝafido kaj fandis ĝin kaj tiam ĵetis manplenon da seka herbo aŭ ion en la paton kaj metis tion en la fornon, tiel ke kun la fumo, kiu venis for el la forno la najbaroj pensu, ke ŝi kuirus viandaĵon por siaj infanoj tiun nokton", li rakontis tion po intervjuanto. Missing Soluch estis lia unua verko tradukita en la anglan.

Traduko de alia Doŭlatabadia romano, Besmel, aperis en la angla traduko en aŭtuno/vintro 2013, publikigita fare de Melville House en Usono kaj Haus en Britio. (fotoj far A. Mamduhi)

Franko Luin*

# AL LA VESPERO

*فرانکو لوئین

# بر غروبگاهان

Al la vespero
mi krias mian doloron
al la sangruĝa vespero
de la tago de la vivo

Mi ne aŭdas
la rekrion de la silento
de la nokto alproksimiĝanta
senŝue
sub la murmurantaj arboj
kiuj etendis siajn ŝtelemajn
brančojn
tiel ke la koro ektremas
kaj klopodas kaŝi sin
en la bruston

Pli laŭte levigas mia
krio
al la sangruĝa vespero
kiam
guto po guto
la ruĝo malaperas lasante min

Sola
kun la kruela nokto
kaj la murdemaj branĉoj
de la arboj

بر غروبگاهان
غریو بر می‌آورم دردهایم را
بر غروبگاهان سرخینِ خونین فامِ
روزگارِ خویشتَن

پژواکی به گوش نمی‌رسد
از سکوت
از شبی که برهنه‌پا
نزدیک و نزدیکتر می‌آید
بر فرازِ درختانِ نجواکنان
که می‌گسترَند، شاخسار خویش را
دزدانه
همان‌گونه که قلبم در هم می‌فشرد
و تقلا می‌جوید تا که خویشتن را
در سینه به کنجی نهان دارد

رساتر می‌سازم
غریو خویش را
بر غروبگاهان سرخین خونین فام
در آن‌دم که
قطره قطره
سرخی‌اش از کف می‌رود و ترکام می‌گوید

من می‌مانم و
شب ستم‌پیشه و
شاخسار کُشنده‌ی
درختان.



Franko Luin (1941-2005)
Eksa Estrarano de Sveda E-Federacio



* (ریاست فقید انجمن اسپرانتوی سوئد)

Tradukis: D-ro Hamed Sufi



ترجمه: دکتر حامد صوفی

# Prelego de Profesoro So Gilsu en la unua Irana Esperanto-Kongreso

Mi estas sinjoro. Mi estas viro. Mi estas mal-ino. Tamen se parlamento aŭ Unuiĝinta Nacio decidas ke vi estu virino, ino kaj sinjorino, ĉu mi fariĝos virino kaj ino kaj sinjorino? Ne, kompreneble ne. Same kiel, internacia lingvo, oni diras ke Esperanto estas internacia lingvo. Tamen kio estas internacia lingvo? Kiun kondiĉon internacia lingvo devas havi? Fakte mi intencis prelegi pri la praktiko de Esperanto, tamen temo de tiuĉi kongreso estas "lingvo de ideo kaj idealo", kaj mi iomete volas mencii pri la kongresa temo.

Same kiel mi estas ĉiam sinjoro, do ne rilate al iu parlamento aŭ Unuiĝinta Nacio decidas; internacia lingvo ankaŭ devas havi tri kondiĉojn. Multaj diras angla linvo estas internacia lingvo. Se la tuta globo, ĉiuj loĝantaroj, voĉdonos por elekti unu lingvon kiel internacia lingvo, kiu lingvo fariĝos internacia lingvo? Ĉu Irana lingvo? Kompreneble ĉiu nacio diras ke la nia povas esti. La nia! Tiam ne nia, alia, kaj ĉiuj kontraŭstaros. Se angla lingvo estos la internacia lingvo, ĉu Rusio povas akcepti? Se Turka lingvo estos la internacia lingvo, ĉu vi povas akcepti? Do, rezulte, unu nacia lingvo, natura lingvo, ne povas esti internacia lingvo. Bone, estas la ideo kaj idealo de la lingvo internacia. Ĝi devas esti artefarita. La artefarita lingvo, tamen, ĝis nun jam estis pli ol 2000 lingvoj. Tamen ĝis nun nur Esperanto daŭris 130 jaroj da historio. Do kial? Ĉar se vi partoprenas Esperanto-movado, vi devas komuniki aliajn, ĉu? Hodiaŭ mi donos konkretan tri kondiĉojn por esti internacia lingvo. Memoru tri, ĉar tio aperas vi vidos en ekzameno. Ĉar mi estas profesoro.



Internacia lingvo devas esti facile lernebla. Unua, ĉu ne? Due, internacia lingvo devas esti perfekta lingvo. Trie, ĝi devas esti neŭtrala. Tio ne estas mia argumento. Jam de la komenco, D-ro Ludoviko Zamenhof klare diris tiujn kondiĉojn por esti internacia lingvo. En la historio de internacia lingvo ne nur Esperanto, Volapuk estis iam tre populare disvastiĝis. Tamen ĝi mortis, ĉar ĝi estas tro malfacila. Homoj de la tuta lando ne ĉiuj havas kapablon, ne ĉiuj havas multajn tempojn por lerni lingvon, do ĝi devas esti facila. Bone, mi diris ke jam 2000 internaciaj lingvoj estis jam naskita. Tamen ili ne daŭris longe. Ili estis tre simpla kaj facile lernebla. Ekzemple 1-2 estas mi amas. 3-4 estas vi estas vera. Tiel tute simpla lingvo ekzistis tamen ĝi ne estis perfekta lingvo. Do, samtempe, la internacia lingvo devas esti facile lernebla kaj samtempe devas esti perfekta lingvo. La tria estas neŭtraleco. Oni diras, ke angla lingvo estas internacia lingvo. Mi estas profesoro, kiu sufiĉe lernis anglan lingvon. Sed kiam mi iris al usono, eĉ infano pli bone parolis ol mi. Ĉu mi povas neŭtrale parole kun usonanoj? En unuiĝintaj landoj, 185 landoj aliĝis, kaj tamen oni uzas nur kvin lingvoj. Kaj kiam okazas grava kunsido kaj diversaj kunsidoj okazas samtempaj tradukoj en kvin lingvoj. Iu parolis iun ŝercon pri tre ridindaj aferoj, kaj tamen nur kvin grupoj tre rapide ridas. Tamen aliaj ne ridas. Kial? Ĉar ili ne bone estas tradukitaj. La grupoj kiu uzas kiel sian nacia lingvo tuj komprenas same kiel sia lingvo. Tamen aliaj kiuj lernis lingvon, ili ne povas tiun tiklan kaj tre koncizan, tiun detalajn ŝercon kaj graven tamen ili ne povas tuj kompreni. Tie naskiĝas multaj eraraj misaj tradukoj kaj tradukisto mem konfesis ke ili ne povas esprimi tuton, sed nur 30 aŭ 40 percenton. Se tuta globanoj voĉdonos tiam ĉina lingvo fariĝos internacia lingvo, ĉar la plej multas en la tuta mondo. Estas klare ke unu nacia lingvo ne povas esti internacia lingvo. Tio estas la certa ideo kaj idealo de internacia lingvo. Mi iomete pli detale komparos pri angla lingvo kaj Esperanto. Nun venas la vico de Esperanto. Ĉu angla lingvo estas facile lernebla? Mi renkontas multajn homojn en irano. Ili volis parole en angla lingvo. Kaj demando estas fuŝita. El kiu lando vi venas? Ĉu Norda aŭ Suda Koreio? Kaj Kiel vi pensas pri Irano. Ne plu daŭras la parolado. Ili diligente lernis en lernejo. Tamen tio estas ilia nuna situacio kaj fakto. Ĉu Esperanto estas

facile lernebla? Jes, kaj fakte mi instruis tre multe Esperanton en mia lando. Mi instruis Esperanto en San Franciska universitato. Ili donis oficiale notojn kaj tri semajnojn instruis. Kaj mi instruis ankaŭ en Adelajdo. Post tri semajnoj ili lernis. Esperanto estas facile lernebla, tio estas la kondiĉo de la internacia lingvo. Esperanto estas kaj tiel la internacia lingvo. Perfekta lingvo: ĉu angla estas perfekta? Tamen kiam vi parolas kun ne-esperantistoj devas diri perfekta. Se vi diras ke nur Esperanto estas bona, oni diras ke vi estas ferenezulo. Bone, ni donu la sufiĉan poenton ke angla lingvo estas perfekta. Nun venas la demando: Ĉu Esperanto estas perfekta lingvo? Kiel vi konvinkos al ili? Vi devas doni tre facilan, ne longan klarigon. Ĉar se vi diras longe ili forkuras. Nun junuloj ne estas tiel paciencaj por aŭskulti alies parolojn. Vi povas simple diri: Korano estas tradukita en Esperanto. Kaj mi diras en usono, sankta Biblio estas en Esperanto. En Ĉinio mi diras ke Konfucianismo estas tradukita en Esperanto. En Koreio kaj Japanio mi diras simple Budisma Sutro estas tradukita en Esperanto. Se Esperanto ne estas perfekta lingvo, kiel oni povas traduki sanktan Biblion, Koranon, Konfucianismo, kaj Budismo. Multajn poetojn kaj romanojn ni povas vidi, kaj laŭ la homo kiun ili havas intereson, ili povas fari pli ol 30000 libroj estas jam tradukitaj kaj nun naskiĝas multaj originalaj verkoj en Esperanto. Multaj homoj kondamnas ke Esperanto estas mortinta lingvo. Tamen Esperanto estas vivanta lingvo. Pri kio de nun mi parolas.

Esperanto estas internacia lingvo kaj ĝi havas la unue ideon kaj idealon ke ĉiuj landoj, enlando oni uzu sian propran lingvon. Kaj en la internaciaj rilatoj, oni uzu internacian lingvon Esperanto. Dulingvismo, Esperanto kaj sia lingvo. Tio estas la Esperantismo. Ĝenerale, Esperantistoj estas aperiotoj, ĉar ili amas sian lingvon. Ĉar se iu lando kolonias kaj atakas kaj ili regas alian landon, unue ili lernigas sian lingvon, kaj devigas, subpremas. Ĉar la lingvo ne estas simpla lingvo, sed ĝi estas la bazo, la kerno de la kulturo kaj pensmaniero. Se venas la lingvo, tuj iras la kulturo de tiu lando. Kvankam vi nun ne ŝatas la usonon, sed vi avide nun devas lerni anglan lingvon. Pro tio vi ne aĉetas la varoj de la usono kaj ne aĉetas Kokakolaon, sed vi produktas la ZamZam Kolaon. Tio estas kultura invado. Kaj en nia tablo dum tagmanĝo, ĉiuj trinkis tiun Zamzam Kolaon, nur mi ne trinkis, ĉar mi ne estas irano. Do, fakte kial tiu okazas? Ĉar mi estas ekonomikisto, sociologie tiun mi analizos.

Por efektivigi ideon kaj idealon de Esperanto, ĝi devas esti utila kaj ĝi devas esti praktika kaj ĝi devas doni utilon kaj bonon kaj profiton. La ideo kaj idealo ne estas tiel kiel aera kaj vaka sed devas subteni la praktikecon. Kaj ideo kaj idealo kaj praktiko ne estas du aferoj sed samtempa sed unu afero. Fakte kiam mi lernis Esperanton, Mi tute ne havis tiun ŝancon praktiki esperanton. Kaj mi havis tiun ideon kaj idealon tre bone. Du lingvismon, kaj ankaŭ mi ŝatis homaranismon de Zamenhof. Kaj same kiel vi vidis en la prelego de S-ro Lee Jungkee nun preskaŭ kiel maljuniĝas Esperanto-movado en Eŭropo. Ĉar tie mankas praktikeco. Ili ĝuas ideon kaj idealon. Tamen ili ne povas ekspluati aŭ trovi iun bonan rimedon por praktiki. Do, venas la rezulto ke por lernigi ideon kaj idealon oni devas havi praktikecon en Esperanto uzo. Kaj mi de nun parolas pri la praktikeco kaj mia sperto dum 48 jaroj da esperantisto kiel mi praktikis. Oni jam diris ke mi jam vojaĝis 75 landoj. Mi ne estas riĉa, nek registaro helpis min. Mi lernis anglan lingvon, germanan lingvon, francan lingvon, ĉinan lingvon, japanan lingvon, rusan lingvon, hispanan lingvon, kaj por legi budhan Sutron, mi legis la sanskritan kaj balion, plus Esperanton. Mi konklude diros ke por mia vojaĝo tra la tuta mondo, nome 75 landoj, kompreneble angla lingvo tre helpas. Franca, germana, ĉiuj helpas. Ĉina, mi parolas ĉine sufiĉe, kaj ĝi helpas. Tamen se mi povas kalkuli nur unu kiu plej helpis por mia vojaĝo estas Esperanto. Oni jam diris ke mi jam skribis mian sperton Trans-siberia vagonaro, trajno. En mia lando unua foje mi skribis Esperanton. Du libroj pri orientaj Eŭropoj kiujn tiam koreoj tute ne povis iri al komunismaj landoj. Dank' al Esperanto, mi nun venis ĉi tie Persa, kaj eĉ iomete lernis, tamen ankoraŭ mi lernos se mi vivos ĝis la cent jaroj. Tamen, mia amiko Hamze skribis al mi ke al la karega, karega estas kara, tre karega estas angla. Tiun mi lernis. Kaj mi ankaŭ skribis pri Aŭstralio kaj Nov-zelando. 50 tagoj mi travojaĝis du landojn kaj skribis unu libron: Saluton Nov-zalando kaj Aŭstralio. Multaj homoj demandas kion signifas saluton. Mi ne diras ke Esperanto estas tre utila, tamen se ili lernas, ili povas vidi ke Esperanto estas utila. La vera intenco donis al mi plenan rajton ke mi povas dormi en ĉiu ajn hotelo en Aŭstralio kaj Nov-Zalando kondiĉe ke mi verku libron. Tamen mi ne multe dormis en hotelo. Ĉar mi gastis ĉe Esperantistoj. Mia tuta vivo estas vojaĝo. Nun ankoraŭ mi ĉiam vojaĝas. Due, mi naskis du filojn kaj ili ambaŭ estas denaskaj Esperantistoj. Mi parolas kun ili, ekde la naskiĝo, nur en Esperanto, kaj kun mia edzino en Koreo. Ili poste, surbaze de Esperanto, ĉar ili regas Esperanton, ilia lingvo estas tute malsama de angla lingvo. Ili bonege parolis anglan lingvon. Lee Jungkee diris ke la filoj de mia frato venis por lerni Esperanton jam ili estas pli ol 20 jaroj. Inverse, ĉu ne, mi instruis Esperanton unue kaj ili bonege parolis anglan. Kaj ĉar tiu filo de mia frato ne bone parolas anglan lingvon, do li iris por lerni Esperanton. Tempo estas grava, kiu estas la unua.

Do, ĉar estas iun por mia hobio, kiu hobio por mi

utiligis Esperanton? Mi diras. Ĉar fakte mi kolektis poŝtmarkojn. Kaj nur Esperanto-poŝtmarkoj. Kaj poŝtmarko kaj poŝtstampo. Ĉu vi imagas ke per tiu kolekto mi faris tri-foje ekspozicion speciale. Mi montros al vi. Esperanto estas uzata tiel. Tiu estas poŝt-marko oficiale emisiita pro la centa jubileo kaj vi povas vidi ĉi tie. Tiuĉi estas poŝtmarkoj oficiale emisiitaj en Kubo, Ĉinio, Pollando, kaj diversaj landoj. Kaj por ke vi utiligu tiun, Ĉar ĝi estas Esperanta, efektive uzita, mi transdonas al la asocio. Ne finas per tio. Estas arĝenta monero, vera monero. Antaŭ 30 jaroj emisiita en Polando. Vi klare vidas Zamenhofon. Ĉu la pola samideano havas tion? Eĉ pola samideano ne havas tion. Tio estas la pli pli kara ĉar ĝi estas emisiita oficiale en Kubo, okaze de la universala kongreso. Mi ankaŭ aĉetas unu, ĉar ĝi estas arĝenta mono, ĉar ĝi estas multekosta. Mi havas du specojn, kaj tiun mi donacas al la asocio. Tamen ĝi estas tro multekosta kaj mi havas nur unu, mi tion enpoŝigas. Ĉe la fino mi volas diri ke kiel mi utiligis Esperanton por mia propra fako komuniko kaj historio, kaj Budismo kaj filozofio. Mi ofte resumas mian tezon en Esperanto. Mi prelegis antaŭ 34 jaroj, en 1980 en universala kongreso en Brazilo prelegis pri la ekonomia ideo de Konfucianismo. Mi perfekte povis montri kaj paroli en Esperanto pri mia stud-fako. Tie mi parolis pri kiun Biblio kaj Korano diras pri interezo. Kiel budismo tiu tezo. Kiel li … Ĉar premas la tempo, kaj mi diros la lastan ĉi foje. Ankaŭ mi utiligis mian studon por Esperanto. Efektive por mia vojaĝo. Mi iris al Pakistano. Kaj tie okazis la internacia konferenco kiel kontribui Islamo kaj budhismo por monda paco. Ili petis min prelegi pri la rolo de Budismo por la monda paco, por ili senpaga, ĉar mi estas jam tie. Mi akceptis. Kondiĉe ke mi prelegos en Esperanto kaj Esperantisto interpretos. Estis sukcesa kaj televido kaj ĵurnalisto multe intervjuis min kaj mi enŝovis iom da parolo pri Esperanto. Pakistanaj Esperantistoj volis partopreni en ĉi tiu kongreso, tamen por ili ĝi estis tro multekosta por flugi. Tamen ili transdonis ĉi tiun libron al tiu ĉi kongreso. Ili verkis lernolibron en Urdua lingvo. (aplaŭdo). Kaj mi resumas: Mi unua foje aŭdis pri Sufismo en tiu ĉi vojaĝo en Pakistano kaj hodiaŭ li prelegis pri Sufieco. Sen Esperanto mi tute ne povas alproksimiĝi al tiu filozofio kaj religio. Mi miris ke la baza principo de la Sufismo kaj sufieco kaj Budismo estas tute sama: Forlasu kion vi havas enkape, fordonu kion venas en via mano, Ne furioze salti se io okazas kontraŭ vi. Tio estas la principo de Sufismo en Islamo, tamen ĝi perfekte koincidas al budismo. Tio estas la rezulto de la praktiko de Esperanto kion mi travidis en la tuto de mia vivo.

Surpaperigis: Hamzeh Shafiee

# Gazalo de Hafezo

tradukita far William Auld


بیا تا گل برافشانیم و می در ساغر اندازیم
فلک را سقف بشکافیم و طرحی نو دراندازیم
اگر غم لشکر انگیزد که خون عاشقان ریزد
من و ساقی به هم تازیم و بنیادش براندازیم
شراب ارغوانی را گلاب اندر قدح ریزیم
نسیم عطرگردان را شکر در مجمر اندازیم
چو در دست است رودی خوش بزن مطرب سرودی خوش
که دست افشان غزل خوانیم و پاکوبان سر اندازیم
صبا خاک وجود ما بدان عالی جناب انداز
بود کان شاه خوبان را نظر بر منظر اندازیم
یکی از عقل می‌لافد یکی طامات می‌بافد
بیا کاین داوری‌ها را به پیش داور اندازیم
بهشت عدن اگر خواهی بیا با ما به میخانه
که از پای خمت روزی به حوض کوثر اندازیم
سخندانی و خوشخوانی نمی‌ورزند در شیراز
بیا حافظ که تا خود را به ملکی دیگر اندازیم

Venu florojn disĵetadi, vinon verŝi al pokalo!
Ĉielvolbon ni ŝirfendu, planu ĝin laŭ nova skalo!
Se armeon trist’ arigus verŝi sangon de amantoj,
Kun sagio mi volonte senbazigus ĝin por falo.
Al purpura vin’ pokale verŝu ni rozakvon krome
Kaj sukeron incensilen ĵetu por parfumregalo.
Do, ĉar muzikil’ haveblas, ludu, menestrel’, kanzonon,
Ĉar ni dancas kapokline, geste kantas laŭ gazalo.
O zerifo, nian polvon blovu al la alta sojlo,
Eble vidos ni vizaĝon de la Ŝah, en bonlokalo.
Unu kleron fanfaronas, dua sensencaĵon ŝpinas:
Ĉi disputojn prijuĝiĝu antaŭ Dia tribunalo!
Se vi paradiz-edenon serĉas, venu al tavern,
Pork e de barel’ ni ĵetu vin en akvon de Kaŭsaro!
En Ŝirazo versdeklamon oni fuŝas, ne komprenas,
Tial venu, O Hafezo, cele al alia valo!

# Mehregano

## Granda Nacia Festo En Antikva Irano




La dua granda religia nacia festo en antikva Irano (Persio) estis "Mehregano". Oni celebris la 10an de Mehr-monato en tago kiu la nomoj de tago kaj monato estas samaj, kaj kiel Noŭruzo, Mehregano havas tri aspektojn: astronomian, historian kaj religian.

(Laŭ la zoroastra kalendaro ĉiu monato havas tridek tagojn kaj ĉiu tago havas nomon de unu el Izadoj (= anĝeloj).

Kiam la nomoj de tago kaj monato estis samaj, oni celebris tiun tagon. La nomo de la 16a de ĉiu monato estas Mehro, do en la 16a tago de monato de Mehro oni celebras Mehreganon.

Gramatike "gano" estas adjeto, aldonante al fino de nomoj por ke la nomo signifu feston, kiel Mehregano, Tirgano, Abangano kaj…)

Laŭ astronomia vidpunkto, oni celebras Mehreganon kelkaj tagoj post la aŭtuna ekvinokso (aŭtuna ekvinokso okazas la 10an de monato Mehro) kaj estas la festo de rikolto.

Laŭ historia vidpunkto, en ĉi tiu tago, la forto de justeco kaj vereco, komande de Kaveo la forĝisto, triumfis kontraŭ mensoga kaj maljusteca fortoj de Aĵidhako (Zahako) kaj Frejduno ricevis la kronon.

La batalo de justeco kaj vereco kontraŭ maljusteco kaj mensogo havas religian bazon kaj tutaj naciaj festoj iele montras ĉi tiun lukton kaj triumfon de vereco kontraŭ malvereco.

Sed en historio de Mehregano ĉi tiu aspekto havas specialan briladon.

En Mehrgan-tago, Izadoj aŭ anĝeloj (simbolo de vereco) helpis al Kaveo la forĝisto kaj Frejduno malliberigis Zahakon (simbolo de malvereco) en la monto Damavando kaj savis homojn.

De religia vidpunkto, en irana kulturo, Mehro aŭ Mitrao signifas brilo de suno, afableco kaj amikeco.

Ankaŭ Mehro estas protektanto de pakto kaj interkonsento. Mehro estis unu el dioj antaŭ Aŝu Zoroastro. Post Aŝu Zoroastro, nova religio ŝanĝis Mehron al unu Izado(anĝelo), kreitaĵo de dio Ahura Mazdao. Lumeco kaj Mehro ĉiam estis samaj kun malfina lumeco de dio.

Kiel lumo kiu separante kaj malseparante el Mehro

La mondo ,tute, estas kaj ne estas signoj de dio

Ni estas lumradioj de vereco kaj ankaŭ ni estas kaj ne estas kiel li

Kiel lumo kiu separante kaj malseparante de dio

Oni diras kronado de Ardeŝiro Babakano, la unua reĝo de Sasanida dinastio, koincidis Mehreganon.

Mehregano estis kutima kaj fama en Malgrandazio kaj de tie kun mitraismo trapasis al Eŭropo.

La belga sciencisto kaj orientalisto nome Komuno, en sia verko Mitraismo diras:

"Sendube, oni koncepis Mehreganon la naskiĝtago de la suno en antikva Romo kaj nomis tiun la naskiĝtago de malvenkita suno kaj ĉi tiu tago translokiĝis al la 25a de decembro kaj post la influo de kristanismo, oni elektis tiun tagon kiel tago pri la kristnasko.

Mehregano kiel la festo pri komenco de granda vintro estis ĝojega.

Laŭ Strabono citas satrapo (= guberniestro) de

Armenujo, en Aĥemanid-erao, en Mehregano sendis dudek mil ĉevalidojn al la kortego.

Post Sasanidoj, arabanoj, speciale Bani-Omaja dinastio fanatike devigis irananojn donaci en Mehregano. Ĝorĝi Zejdan, verkisto de islama civilizacio estas citinta la sumon de donacoj, 5 ĝis 10,000,000 Derhamoj.

Interese, malgraŭ ĉiuj problemoj, la festo havis tian influon ke por la unua fojo en ĉi tiu tago arabanoj sendis saluto-kartojn kaj donis feriado-donacon kio nomiĝis - kaj ankoraŭ nomiĝas- Mehreĝano.

En la vortaroj de muziko, granda Mehregano kaj malgranda Mehregano estas nomoj de muzikaj tonoj(stiloj).

Nezami Ganĝavi, fama poeto, en sia vorko Ĥosro kaj Ŝirino priskribas pri tridek tonoj el la tonoj de irana muziko kiujn Barbado fama muzikisto de sasanida epoko kunmetis, la nomo de la dudek unua tono estis Mehregani.

La poemoj de Manuĉehrio ankaŭ montras ke dum la erao de Gaznavidoj, oni celebris Mehreganon grandioze.

Zoroastranoj de Irano ĉiam festis kaj celebras Mehreganon grandioze.

Mehregano ankaŭ kiel Noŭruzo havas sian specialan tablon. Oni metas sanktan libron Avesto, spegulon, siropon, akvon de rozo, kukojn, legomojn, fruktojn speciale pomojn kaj granatojn, kaj buntajn florojn sur blankan tablotukon. Oni ornamas randojn de la tablotuko per seka timiano.

Ĉi tiu tago estas la tago de preĝo por paco, vera parolado kaj bonfaroj.



Estas la tago Mehro kaj Monato Mehro kaj Benita festo de Mehregano,

He, afabla amanto kun via afabla vizaĝo, pliafablu,

Afablu en la festo de Mehregano kaj tago mehro,

Afableco taŭgas en tago Mehro kaj festo de mehregano (Masud Saad Solejmano)

..

**El: Nova vido el antikva religio**

**Verkis: D-ro Farhang Mehr**

**El:Vortaro de Mazda Jasna**

**Verkis: Dro- Ĝahangir Huŝidari**

**El: Kalendaro kaj festoj de antikva Irano**

**Verkis: Haŝem Razi**

**Enesperantigis: Nader Zandi**




# LA 52-A BALTIAJ ESPERANTO-TAGOJ (BET – 52) INVITAS

Litova Esperanto-Asocio afable invitas vin partopreni tradiciajn la 52-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn (BET-52). La aranĝo okazas sub aŭspicio de Universala Esperanto-Asocio (UEA).
DATO: La 2-10-an de Julio, 2016. BET okazas ekde 1959 ĉiujare laŭvice en Latvio, Estonio, Litovio.
Ni invitas ĉiujn esperantistojn. Speciale ni dezirus vidi esperantistojn el la landoj ĉirkaŭ la Balta Maro, sed ankaŭ de ĉiuj aliaj najbaraj kaj pli foraj landoj.
Aktualajn informojn pri BET-52 Vi povas trovi en retejo de BET-52 www.esperanto.lt/board/zboard.php?id=BET52 . Tie Vi trovos plenan kaj detalan Informilon pri BET-52.


La Tria Irana Esperanto-Kongreso
تهران ، جمعه
۲۴ اردیبهشت ۱۳۹۵
موضوع کنگره :
صد سال جنبش اسپرانتو
در ایران
Kongresa temo:
Cent jaroj da
Esperanto-movado en
Irano
13-a de majo 2016
Tehrano , Irano